MOLIÈRE

# L'AVARULO

TRADUKITA DE

**SAM. MEYER**

*Verko ricevinta la unuan premion (sekcio honora) ĉe la dua konkurso literatura de la Societo p. p. Esperanto.*

[um 1904]

FRANCUJO. — HACHETTE et Cie, *PARIS.*

ANGLUJO. — « REVIEW of REVIEWS », *LONDON.*
DANUJO. — ANDR.-FRED. HÖST & SÖN, *KJOBENHAVN*
GERMANUJO. — MÖLLER & BOREL, *BERLIN.*
HISPANUJO. — J. ESPASA, *BARCELONA.*
ITALUJO. — RAFFAELLO GIUSTI, *LIVORNO.*
POLUJO. — M. ARCT, *WARSZAWA.*

# PERSONOJ

Harpagono, patro de Kleanto kaj Elizo, kaj amindumanto de Mariano.
Anselmo, patro de Valero kaj Mariano.
Kleanto, filo de Harpagono kaj amanto de Mariano
Elizo, filino de Harpagono.
Valero, filo de Anselmo kaj amanto de Elizo.
Mariano, filino de Anselmo.
Frozino, intrigistino.
Simono, makleristo.
Jakobo, kuiristo kaj veturigisto de Harpagono.
La Flèche, lakeo de Kleanto.
Sno Klaŭdo, servistino de Harpagono.
Brindavoine, La Merluche } lakeoj de Harpagono.
Komisaro (policestro).

La agado havas lokon en Parizo, en la domo de Harpagono.

# L'AVARULO

KVINAKTA KOMEDIO DE MOLIÈRE (MOLJERO)

(1667)

---

## AKTO I

### SCENO I

VALERO, ELIZO

VALERO. Kiel! ĉarma Elizo; vi fariĝas melankolia, post la afabla certigo, kiun vi havis la bonecon doni al mi pri via amo! Ha! meze de mia ĝojo mi aŭdas vin sopiranta! Diru ĉu tio estas pro bedaŭro, ĉar vi faris min feliĉa? Ĉu vi pentas pri tiu ĉi promeso, kiun eble mia pasio eldevigis de vi?

ELIZO. Ne, Valero, mi ne povas penti pri io ajn, kion mi faras por vi; mi sentas min logata al tio per tro dolĉa potenco; kaj mi eĉ ne havas la forton deziri, que ne ekzistu tiuj aferoj. Sed, por diri al vi la veron, la sekvoj malkvietigas min, kaj mi tre timas ami vin iom pli forte, ol mi ĝin devus.

VALERO. Sed kion vi povas timi, Elizo, pro la boneco, kiun vi havas por mi?

ELIZO. Ho, ve! cent aferojn kune; koleron de patro, riproĉojn de familio, kritikojn de la mondo; sed pli ol ĉion, Valero, la ŝanĝiĝon de via koro kaj tiun malvarmon kriman, per kiu viaj samseksuloj plejofte rekompencas tro varmajn signojn de senkulpa amo.

VALERO. Ho! Ne faru al mi la ofendon, min juĝi laŭ la ceteraj; suspektu ĉion pri mi. Elizo, nur ne mian forgeson de tio, kion mi ŝuldas al vi. Mi amas vin tro por tiel agi, kaj mia amo daŭros tiel longe, kiel mia vivo.

ELIZO. Ha! Valero, ĉiu parolas same. Ĉiuj viroj estas similaj laŭ la vortoj, kaj nur iliaj faroj montras, ke ili diferencas.

VALERO. Ĉar nur la faroj montras, kiaj ni estas, atendu vi do almenaŭ, ĝis vi per ili povos juĝi mian koron, kaj ne serĉu krimojn ĉe mi, pro la maljusta timo de maloportuna antaŭvido. Ne mortigu min, mi petas, per la doloraj frapoj de ofendanta suspekto, kaj donu al mi tempon, por konvinki vin per mil kaj mil pruvoj pri la honesteco de mia amo.

ELIZO. Ho, ve! Kiel facile oni lasas sin konvinki de la personoj amataj! Jes, Valero, mi fidas, ke via koro estas nekapabla min trompi. Mi pensas, ke vi min amas per vera amo, kaj ke vi ĉiam estos fidela; mi tute ne volas dubi pri tio, kaj mi nur restas maltrankvila pro la mallaŭdo, kiun oni donos al mi.

VALERO. Kaj kial tia maltrankvilo?

ELIZO. Mi nenion timus, se ĉiuj vin vidus per samaj okuloj kiel mi; kaj mi trovas en vi sufiĉe por pravigi tion, kion mi faras por vi. Mia koro havas kiel senkulpigon vian grandan meriton, subtenatan de la danksento, kiun inspiras al mi la ĉielo kontraŭ vi. Mi ĉiuhore revidas tiun mirigan danĝeron, per kiu ni ekkonis unu la alian; tiun mirindan sindonemon, kiu igis vin riski vian vivon por forpreni la mian el la furiozaj ondoj; tiun flegadon plenan je delikateco, kiun vi montris, retirinte min el la akvo; kaj la fervorajn atestojn de tiu varmega amo, kiun nek tempo nek kontraŭaĵoj povis lacigi, kaj pro kiu vi, forlasinte gepatrojn kaj patrujon, restadas en tiu ĉi loko, kaŝante pro mi vian riĉecon kaj decidinte, por min vidi, preni la pozicion de servisto ĉe mia patro.

Ĉio tio sendube faras sur min impreson profundan kaj sufiĉas laŭ miaj okuloj por pravigi la promeson, je kiu mi

konsentis, sed eble ne sufiĉos por ĝin pravigi antaŭ la ceteraj, kaj mi ne estas certa, ke oni pensos pri tio, same kiel mi.

VALERO. El ĉio, kion vi diris, per mia sola amo mi volas ion meriti de vi; kaj rilate viajn konsciencajn dubojn, via patro mem zorgas pri via pravigo antaŭ ĉiuj; ĉar lia troa avareco kaj la severa maniero, en kiu li vivas kun siaj gefiloj povus permesi pli strangajn farojn.

Pardonu min, ĉarma Elizo, se mi tiel parolas antaŭ vi. Vi scias ke, pri tio ĉi, oni nenion bonan povas diri. Tamen se mi sukcesos, kiel mi ĝin esperas, retrovi miajn gepatrojn, ni ne havos tiam grandan penadon por fari lin favora al ni.

Novaĵon pri ili mi senpacience atendas kaj iros mem serĉi, se mi ĝin ne ricevos baldaŭ.

ELIZO. Ha! Valero, ne foriru de tie ĉi, mi petas, kaj penadu nur akiri la favoron de mia patro.

VALERO. Vi scias kiamaniere mi agas kaj per kia lerta komplezo mi sukcesis enkonduki min en lian servadon, sub kia masko de simpatio kaj de sameco de inklinoj mi kaŝas min por plaĉi al li, kaj kian rolon mi ĉiutage ludas por akiri lian amon. Mi faras mirindajn progresojn, kaj mi rimarkas, ke, por favorigi la homojn, ne ekzistas pli bona rimedo, ol se oni ŝajnigas sin, antaŭ ili, havi la samajn inklinojn, se oni aprobas iliajn ideojn, laŭdegas iliajn malbonajn ecojn kaj aplaŭdas ĉiujn iliajn farojn. Oni neniom devas timi troigi la komplezon; kiel ajn videbla estas la maniero, per kiu oni trompas ilin, la plej prudentaj ĉiam estas per la flato facilaj trompatuloj; ne estas io tiel aroganta kaj tiel ridinda, ke ili ĝin ne englutus, se nur oni ĝin spicis per laŭdoj. La sincereco suferas iom ĉe tia agado; sed kiam oni bezonas la homojn, estas ja necese konformigi sin al ili; nur tiamaniere oni povas akiri ilian favoron, kaj kulpaj estas en tio ne la flatantoj, sed tiuj, kiuj volas esti flatataj.

ELIZO. Sed kial vi ne penadas akiri ankaŭ la helpon de mia frato, por la okazo, se la servistino ekvolos perfidi nian sekreton?

VALERO. Oni ne povas kontentigi ambaŭ ; kaj la animoj de l' patro kaj de l' filo estas tiel malsimilaj, ke malfacile estas akiri kune la konfidon de ambaŭ.

Sed, viaflanke, vi agu kontraŭ via frato, kaj uzu la amikecon, kiu vin ligas kune, por lin altiri en niajn interesojn. Jen li venas. Mi foriras. Profitu tiun momenton por paroli kun li, kaj malkovru al li pri nia afero nur tion, kion vi pensos oportuna.

ELIZO. Mi ne scias, ĉu mi havos la kuraĝon, fari al li tiun konfidon.

---

## SCENO II

KLEANTO, ELIZO

KLEANTO. Mi estas tre kontenta, ke mi vin trovas sola, mia fratino, ĉar mi varmege deziris paroli kun vi, por komuniki al vi sekreton.

ELIZO. Jen estas mi preta por vin aŭskulti, mia frato. Kion vi havas por diri al mi?

KLEANTO. Multajn aferojn, fratino, ĉiujn enhavatajn en unu vorto : mi amas.

ELIZO. Vi amas?

KLEANTO. Jes, mi amas. Sed antaŭ ol daŭrigi, mi bone scias, ke mi dependas de patro, kaj ke la nomo filo min metas sub lian volon; ke ni ne devas forpromesi nian koron sen la permeso de tiuj, kiuj naskis nin; ke la ĉielo faris ilin mastroj de niaj deziroj; kaj ke estas ordonite, ke pri tio ni agu nur sub ilia konduko, tial, ke ili, ne malhelpate de ia freneza pasio, povas multe pli facile ol ni, eviti eraron kaj pli bone vidi tion, kio konvenas por ni; ke oni prefere devas fidi je la lumo de ilia prudento ol je la blindeco de nia pasio, kaj ke la senmodereco de la juneco nin forkondukas plej ofte al bedaŭrindaj profundaĵoj.

Ĉion tion, mia fratino, mi diras al vi, por ke vi ne donu al vi la laboron ĝin diri al mi; ĉar fine mia amo nenion volas aŭdi, kaj mi vin petas, ne faru al mi riproĉojn.

ELIZO. Ĉu vi fianĉiĝis, mia frato, kun tiu, kiun vi amas?

KLEANTO. Ne, sed mi decidis tion fari, kaj mi petegas vin denove, ne elvoku motivojn por deturni min de tio.

ELIZO. Ĉu mi estas do tia stranga persono?

KLEANTO. Ne, fratino, sed vi ne amas. Vi ne scias la dolĉan perforton de delikata amo sur niajn korojn, kaj mi timas vian saĝecon.

ELIZO. Ha! mia frato, ni ne parolu pri mia saĝeco. Neniu estas, al kiu la saĝeco ne mankas almenaŭ unufoje en la vivo, kaj se mi malfermos por vi mian koron, mi eble aperos antaŭ viaj okuloj malpli saĝa ol vi mem.

KLEANTO. Ho! Plaĉu al la ĉielo, ke via koro, kiel mia...

ELIZO. Ni antaŭe finu vian aferon, kaj diru vi al mi, kiu estas ŝi, kiun vi amas.

KLEANTO. Juna persono, kiu de mallonga tempo loĝas en tiu ĉi kvartalo kaj kiu ŝajnas esti farita por inspiri amon al ĉiuj, kiuj ŝin vidas. La naturo, mia fratino, neniam naskis ion pli amindan, kaj mi sentis min ravita tuj de l' momento, kiam mi ŝin ekvidis. Ŝi estas nomata Mariano kaj vivas sub la direkto de bona virino, ŝia patrino, kiu estas preskaŭ ĉiam malsana, kaj al kiu tiu aminda knabino havas amiksenton neimageblan. Ŝi ŝin flegas, kompatas kaj konsolas kun delikateco, kiu tuŝus vian animon. Ŝi estas ĉarma en kio ajn ŝi faras, kaj mil ĉarmoj brilas en ĉiuj ŝiaj agoj; alloga dolĉeco, invita boneco, adorinda ĝentileco... Ho! mia fratino, mi volus, ke vi ŝin vidu.

ELIZO. Mi jam vidas multe da ŝi, frato, el viaj paroloj, kaj por kompreni, kia ŝi estas, sufiĉas por mi, ke vi ŝin amas.

KLEANTO. Mi elturniĝe eksciis, ke ili ne estas tre riĉaj, kaj ke ilia modesta vivado apenaŭ estas subtenata de la posedaĵo, kiun ili havas. Imagu, mia fratino, kia ĝojo estus relevi la situacion de persono, kiun oni amas, doni ĝentile kelkan

helpon al la modestaj bezonoj de virta familio; kaj komprenu, kiel malfeliĉa mi estas, vidante ke, pro la patra avareco, estas al mi neeble eksenti tiun ĝojon kaj doni al la belulino ian signon de mia amo.

ELIZO. Jes, mi komprenas ja, mia frato, kia devas esti via malplezuro.

KLEANTO. Ha, fratino, ĝi estas pli granda, ol oni povas pensi. Ĉar fine ĉu estas io pli kruela ol tiu severa ŝparado, kiun oni trudas al ni, kaj tiu stranga sekeco, en kiu oni velkigas nin? He! al kio utilos, ke ni havas posedaĵon, se ni ĝin ricevos nur kiam ni ne estos plu en la bela aĝo por profiti ĝin, kaj se eĉ por min vesti, mi devas nun ŝuldiĝi je ĉiuj flankoj, se mi estas devigata, same kiel vi, serĉi la helpon de vendistoj por vestiĝi dece! Fine mi volis paroli kun vi, por ke vi helpu min sondi mian patron pri miaj sentoj, kaj se mi lin trovos malfavora, mi decidis iri en alian landon kun tiu aminda persono kaj ĝuadi la vivon, kiun plaĉos al la ĉielo doni al ni. Kun tiu intenco mi ĉie serĉas prunteblan monon, kaj se viaj aferoj, fratino, estas similaj al miaj, kaj se nia patro kontraŭstaros al niaj deziroj, ni ambaŭ forlasos lin kaj liberigos nin el la tro longe elportita tiraneco de lia netolerebla avareco.

ELIZO. Estas vero, ke ĉiutage pli li donas al ni kaŭzon por bedaŭri la morton de nia patrino, kaj...

KLEANTO. Mi aŭdas lian voĉon. Ni foriru iom por daŭrigi nian konfidencion, kaj poste ni kunigos niajn fortojn por ataki la malmolecon de lia karaktero.

---

## SCENO III

HARPAGONO, LA FLÈCHE

HARPAGONO. For de tie ĉi tuj, kaj ne respondu. Nu, forkuru pli rapide el mia domo, fripono ĵurinta, vera nutraĵo de eŝafodo.

LA FLÈCHE, (flanken). Mi neniam vidis ion tiel malbonan, kiel tiu malbenita maljunulo, kaj mi opinias vere, ke li havas la diablon en la korpo.

HARPAGONO. Ĉu vi murmuras inter viaj dentoj?

LA FLÈCHE. Pro kio vi min elpelas?

HARPAGONO. Bone konvenas al vi, pendindulo, postuli de mi klarigojn! Eliru tuj, aŭ mi vin buĉos.

LA FLÈCHE. Kion mi faris al vi?

HARPAGONO. Vi faris... ke mi volas, ke vi eliru.

LA FLÈCHE. Mia mastro, via filo, ordonis al mi, ke mi lin atendu.

HARPAGONO. Atendu lin sur la strato, kaj ne restu en mia domo, starante kiel fosto, subrigardante tion, kio fariĝas kaj profitante je ĉio. Mi ne volas vidi senĉese antaŭ mi spionon de miaj aferoj, perfidulon, kies malbenitaj okuloj sieĝas ĉiujn miajn farojn, englutas tion, kion mi posedas, kaj serĉas je ĉiuj flankoj por vidi, ĉu li povos ion ŝteli.

LA FLÈCHE. Kiel, per la diablo, volas vi, ke oni faru por vin priŝteli? Ĉu vi estas priŝtelebla homo, kiam vi ĉion enŝlosas, kaj staras garde tage kaj nokte.

HARPAGONO. Mi deziras ŝlosi, kion mi volas, kaj stari garde, kiam al mi plaĉas. Jen estas spionoj, kiuj sin okupas pri tio, kion oni faras! (mallaŭte, flanken) Mi ektimas, ke li suspektis ion pri mia mono. (laŭte) Ĉu vi ne estus homo kapabla dissemi la famon, ke mi havas ĉe mi monon kaŝitan?

LA FLÈCHE. Vi havas monon kaŝitan?

HARPAGONO. Ne, fripono, mi ne diras tion. (mallaŭte) Mi furiozas. (laŭte) Mi demandas, ĉu vi ne dissemus malice la famon, ke mi ĝin havas.

LA FLÈCHE. He! per kio tio ĉi nin interesas, ĉu vi ĝin havas aŭ ne, se por ni estas tute same.

HARPAGONO (levante la manon por doni survangon al La Flèche). Vi argumentadas! Mi redonos al vi tiun argumentadon sur la vangon. For de tie ĉi, mi rediras.

La Flèche. Nu, mi eliras.
Harpagono. Haltu! Ĉu vi nenion forportas?
La Flèche. Kion mi povus forporti?
Harpagono. Venu tien ĉi, por ke mi vidu; montru viajn manojn.
La Flèche. Jen.
Harpagono. La aliajn.
La Flèche. La aliajn?
Harpagono. Jes.
La Flèche. Jen.
Harpagono (montrante la pantalonon de La Flèche). Ĉu vi ne metis ion en tion ĉi?
La Flèche. Vidu vi mem.
Harpagono (palpante la pantalonon de La Flèche). Tiuj larĝaj pantalonoj estas oportunaj por en ili kaŝi la ŝtelitajn objektojn, kaj mi dezirus, ke oni jam pendigu kelkajn el ili.
La Flèche (flanken). Ho! Kiom meritus tiaspeca homo tion, kion li timas. Kiel plezure mi lin priŝtelus!
Harpagono. He?
La Flèche. Kion?
Harpagono. Kion vi parolas pri ŝtelo?
La Flèche. Mi diras, ke vi zorge serĉas ĉie por vidi, ĉu mi priŝtelis vin.
Harpagono. Tion mi volas fari.

(Harpagono serĉadas en la poŝoj de La Flèche).

La Flèche (flanken). La pesto prenu l' avarecon kaj l' avarulojn!
Harpagono. Kiel? Kion vi diras?
La Flèche. Kion mi diras?
Harpagono. Jes. Kion vi diras pri avareco kaj avaruloj?
La Flèche. Mi diras, ke la pesto prenu l' avarecon kaj l' avarulojn.
Harpagono. Pri kiu vi intencas paroli?
La Flèche. Pri l' avaruloj.
Harpagono. Kaj kiuj estas tiuj avaruloj?
La Flèche. Malnobluloj kaj maldonemuloj.
Harpagono. Sed kiun vi komprenas sub tio ĉi?

La Flèche. Pri kio vi vin okupas?
Harpagono. Mi okupas min pri kio mi devas.
La Flèche. Ĉu vi pensas, ke mi parolas pri vi?
Harpagono. Mi pensas tion, kion mi pensas; sed mi volas, ke vi diru al mi, al kiu vi parolas, dirante tion.
La Flèche. Mi parolas... mi parolas al mia ĉapo.
Harpagono. Kaj mi ankaŭ tuj parolos kun via ĉapo.
La Flèche. Ĉu vi malpermesos, ke mi malbenu l' avarulojn?
Harpagono. Ne sed mi malhelpos vin babiladi kaj esti aroganta; silentu!
La Flèche. Mi neniun nomas.
Harpagono. Mi vin batos, se vi parolos.
La Flèche. Al kiu jukas, tiu sin gratu.
Harpagono. Ĉu vi silentos?
La Flèche. Jes, kontraŭvole.
Harpagono. Ha! Ha!
La Flèche (montrante al Harpagono poŝon de sia jako). Vidu, jen estas ankoraŭ poŝo. Ĉu vi estas kontentigita?
Harpagono. Nu, redonu ĝin, ne devigante min serĉadi.
La Flèche. Kion?
Harpagono. Tion, kion vi prenis.
La Flèche. Mi absolute nenion prenis.
Harpagono. Vere?
La Flèche. Vere.
Harpagono. Adiaŭ. Iru al ĉiuj diabloj!
La Flèche (flanken). Jen mi estas ĝentile forpermesita.
Harpagono. Mi metas ĝin sur vian konsciencon, almenaŭ.

---

## SCENO IV

HARPAGONO, sola.

Jen estas pendinda lakeo, kiu min tre ĝenas; kaj al mi ne plaĉas vidi tiun laman hundon. Certe ne estas malpeza

zorgo, gardi hejme grandan sumon da mono, kaj tre feliĉa estas tiu, kiu havas sian tutan posedaĵon bone ŝparmetita kaj nur konservas ĉe si la monon necesan por siaj elspezoj. Oni ne estas malmulte embarasata por eltrovi en tuta domo unu sendanĝeran kaŝlokon; ĉar laŭ mia opinio la monkasoj estas suspektindaj, kaj mi neniam volas fidi je ili; mi ĝuste vidas en ili veran allogaĵon por ŝtelistoj, kaj ili estas ĉiam la unua objekto, kiun oni atakas.

---

## SCENO V

HARPAGONO, ELIZO kaj KLEANTO, interparolante kune kaj restante en la fundo de l' teatro.

HARPAGONO (pensante ke li estas sola). Tamen mi ne scias, ĉu mi bone faris enfosigante en mia ĝardeno dek mil eskudojn, kiujn oni redonis al mi hieraŭ. Dek mil eskudoj el oro, hejme, estas sumo sufiĉe... (flanken, ekvidinte Elizon kaj Kleanton) Ĉielo! mi perfidis min mem; la flameco min forportis, kaj mi pensas, ke mi parolis laŭte, rezonante sola. (al Kleanto kaj Elizo) Kio estas?

KLEANTO. Nenio, mia patro.

HARPAGONO. Ĉu vi jam de longe estas tie ĉi?

ELIZO. Ni ĵus alvenis.

HARPAGONO. Ĉu vi aŭdis...

KLEANTO. Kion, patro?

HARPAGONO. Tie...

ELIZO. Kion?

HARPAGONO. Kion mi ĵus diris.

KLEANTO. Ne.

HARPAGONO. Jes, tamen; jes.

ELIZO. Pardonu.

HARPAGONO. Mi bone vidas, ke vi kelkajn vortojn aŭdis. Estas tiel, ke mi interparoladis kun mi mem pri la nuntempa

malfacileco trovi monon, kaj mi diris, ke feliĉa estas tiu, kiu povas havi dek mil eskudojn en sia domo.

KLEANTO. Ni ŝanceliĝis por proksimiĝi, timante, ke ni vin ĝenos.

HARPAGONO. Mi estas kontenta diri tion al vi, por ke vi ne komprenu malĝuste kaj ne imagu, ke mi diris, ke mi havas mem dek mil eskudojn.

KLEANTO. Ni ne okupas nin je viaj aferoj.

HARPAGONO. Plaĉu al Dio, ke mi ilin havu, dek mil eskudojn!

KLEANTO. Mi ne pensas...

HARPAGONO. Estus bona afero por mi.

ELIZO. Estas aferoj...

HARPAGONO. Mi tre bezonus ilin.

KLEANTO. Mi pensas, ke...

HARPAGONO. Tio helpus min forte.

ELIZO. Vi estas...

HARPAGONO. Kaj mi tiam ne plendus, kiel mi nun faras, ke nia tempo estas mizera.

KLEANTO. Je Dio! mia patro, vi ne havas kaŭzon por plendi, kaj oni scias, ke vi havas sufiĉe da posedaĵo.

HARPAGONO. Kiel! mi havas sufiĉe da posedaĵo! Tiuj, kiuj ĝin diris, estas mensogintoj. Nenio estas malpli vera; kaj friponoj estas, kiuj tiujn ĉi famojn dissemas.

ELIZO. Ne koleriĝu.

HARPAGONO. Tio ĉi estas stranga; miaj propraj infanoj min perfidas kaj fariĝas miaj malamikoj!

KLEANTO. Ĉu diri, ke vi havas posedaĵon, sufiĉas por esti via malamiko?

HARPAGONO. Jes. Pro tiaj diroj kaj la elspezoj, kiujn vi faras, oni venos unu tagon en mian domon por tranĉi al mi la gorĝon, pensante, ke mi estas tute kovrita per pistoloj [1].

KLEANTO. Kian grandan elspezon mi faras?

HARPAGONO. Kian? Ĉu estas io pli skandala ol tiu riĉega ves-

1. Pistolo = antikva ormonero.

taĵo, kiun vi promenigas tra la urbo? Mi riproĉis hieraŭ vian fratinon, sed tio ĉi estas ankoraŭ pli malbona. Tio ĉi elvokas la punon de la ĉielo, ĉar, prenante vin de l' kapo ĝis la piedoj, oni trovus sufiĉe por elfari bonan renton. Dudekfoje mi ĝin diris al vi, mia filo, ĉiuj viaj manieroj tre malplaĉas al mi; vi pretendas vivi kiel markizo [1], kaj por iri tiel vestita, estas ja necese, ke vi min priŝtelu.

KLEANTO. He! Kiamaniere vin priŝteli?

HARPAGONO. Mi ne scias; sed kie vi povas preni la monon por pagi la vestojn, kiujn vi portas?

KLEANTO. Mia patro, mi ludas; kaj ĉar mi estas tre feliĉa ĉe la ludo, mi metas sur min ĉion, kion mi gajnas.

HARPAGONO. Tio ĉi estas tre malprudenta agado. Se vi estas feliĉa ĉe la ludo, vi devus profiti tion kaj ŝparmeti je bonaj procentoj la monon, kiun vi gajnas, por ĝin retrovi unu tagon. Mi tre volus scii, ne parolante pri la cetero, por kio utilas ĉiuj tiuj rubandoj, per kiuj vi estas traligita de la piedoj ĝis la kapo, kaj ĉu duona dekduo da ŝnuroj ne sufiĉas por alligi pantalonon.

Ĉu estas necese monon elspezi por perukoj, kiam oni povas portadi la propran hararon, kiu nenion kostas! Mi vetas, ke vi havas perukojn kaj rubandojn almenaŭ por dudek pistoloj; kaj dudek pistoloj liveras ĉiujare dekok frankojn, ses soldojn kaj ok denarojn [2], eĉ metinte ilin nur po unu denaro por dekdu.

KLEANTO. Vi estas prava.

HARPAGONO. Ni lasu tion, kaj parolu pri aliaj aferoj. (ekvidante ke Kleanto kaj Elizo faras signojn unu al la alia) He! (mallaŭte, flanken) Mi pensas, ke ili faras signojn unu al la alia por ŝteli mian monujon. (laŭte) Kion signifas tiuj ĉi signoj?

ELIZO. Ni disputas mia frato kaj mi, pri tio, kiu parolos unue; ĉar ambaŭ ni havas ion por diri al vi.

1. Markizo = titolo de nobeleco.
2. Soldo = dudekono de funto.
Denaro = bronza monero valoranta dekduonon de soldo.

HARPAGONO. Kaj ankaŭ mi havas ion por diri al vi ambaŭ.
KLEANTO. Pri edziĝo, patro, ni deziras paroli kun vi.
HARPAGONO. Ankaŭ pri edziĝo mi intencas interparoladi kun vi.
ELIZO. Ha! mia patro!
HARPAGONO. Kial tiu ekkrio? Ĉu la vorto, filino, aŭ la afero vin timigas?
KLEANTO. La edziĝo povas nin ambaŭ timigi, laŭ la maniero, kiel vi ĝin komprenas; kaj ni timas, ke niaj inklinoj ne estos konformaj al via elekto.
HARPAGONO. Iom da pacienco. Ne malkvietiĝu. Mi scias kion vi ambaŭ bezonas, kaj nek unu nek la alia havos kaŭzon por plendi pro ĉio, kion mi intencas fari. Kaj por komenci je unu flanko. (al Kleanto) Ĉu vi vidis, diru al mi, junan personon nomatan Mariano, kiu loĝas ne malproksime de tie ĉi?
KLEANTO. Jes, mia patro.
HARPAGONO (al Elizo). Kaj vi?
ELIZO. Mi aŭdis paroli pri ŝi.
HARPAGONO. Kiel, filo mia, vi trovas tiun ĉi knabinon?
KLEANTO. Tre ĉarma persono.
HARPAGONO. Ŝian mienon?
KLEANTO. Tute honesta kaj sprita.
HARPAGONO. Ŝian ŝajnon kaj manieron?
KLEANTO. Admirindaj, sendube.
HARPAGONO. Ĉu vi ne pensas, ke tia knabino sufiĉe meritus, ke oni pensu pri ŝi?
KLEANTO. Jes, patro.
HARPAGONO. Ke ŝi estus edzino dezirinda?
KLEANTO. Tre dezirinda.
HARPAGONO. Ke ŝi ŝajnas ĉion havi por fariĝi bona dommastrino?
KLEANTO. Sendube.
HARPAGONO. Kaj ke edzo havus kontentiĝon per ŝi?
KLEANTO. Certe.
HARPAGONO. Ekzistas ja unu malhelpaĵeto; ĉar mi timas, ke ŝi ne havas tiom da posedaĵo, kiom oni povus deziri.

KLEANTO. Ho! patro, la posedaĵo ne estas grava, kiam oni estas edziĝonta je honesta persono.

HARPAGONO. Permesu, permesu! Estas vere ke, ne trovinte tiom da mono, kiom oni dezirus, oni povas provi regajni tion aliamaniere.

KLEANTO. Kompreneble.

HARPAGONO. Fine, mi estas kontenta vidi, ke vi konsentas kun mi; ĉar ŝia deca ŝajno kaj ŝia ĝentileco kaptis mian koron, kaj mi decidis edziĝi je ŝi, se nur mi trovas ĉe ŝi iom da posedaĵo.

KLEANTO. He!

HARPAGONO. Kiel?

KLEANTO. Vi diras, ke vi decidis...

HARPAGONO. Edziĝi je Mariano.

KLEANTO. Kiu? Vi? Vi?

HARPAGONO. Jes, mi, mi, mi; kion signifas tio?

KLEANTO. Min kaptis kapturniĝo. Tial mi eliras.

HARPAGONO. Tio ne estos grava. Iru rapide en la kuirejon, kaj trinku grandan glason da pura akvo.

---

## SCENO VI

HARPAGONO, ELIZO

HARPAGONO. Tiaj estas niaj delikataj fraŭletoj, kiuj ne pli fortaj estas, ol kokinoj. Tion ĉi, filino, mi decidis por mi. Rilate vian fraton mi elektis por li vidvinon, pri kiu oni parolis al mi hodiaŭ matene; kaj koncerne vin, mi vin donas al sinjor' Anselmo.

ELIZO. Al sinjor' Anselmo?

HARPAGONO. Jes, li estas homo matura, prudenta kaj saĝa, li ne estas pli ol kvindekjara, kaj oni tre laŭdas liajn grandajn bienojn.

ELIZO (farante riverencon). Mi ne volas edziniĝi, patro, se vi permesas.

HARPAGONO (imitante Elizon). Kaj mi, filineto, amikino mia, mi volas, ke vi edziniĝu, se vi permesas.

ELIZO (farante novan riverencon.) Pardonu min, patro mia.

HARPAGONO (imitante Elizon). Pardonu min, filino mia.

ELIZO. Mi estas tre humila servantino de sinjor' Anselmo; sed (farante denove riverencon) kun via permeso mi ne edziniĝos je li.

HARPAGONO. Mi estas via tre humila servanto; sed (imitante Elizon) kun via permeso vi edziniĝos je li jam hodiaŭ vespere.

ELIZO. Hodiaŭ vespere?

HARPAGONO. Hodiaŭ vespere.

ELIZO (kun riverenco). Tio ne fariĝos, patro.

HARPAGONO (imitante ŝin). Tio fariĝos, filino.

ELIZO. Ne!

HARPAGONO. Jes!

ELIZO. Ne, mi diras.

HARPAGONO. Jes, mi diras.

ELIZO. Tio estas afero, al kiu vi min ne devigos.

HARPAGONO. Tio estas afero, al kiu mi vin devigos.

ELIZO. Mi plivole mortigos min ol edziniĝos je tia viro.

HARPAGONO. Vi ne mortigos vin, kaj vi edziniĝos je li. Sed vidu tian kuraĝon! Ĉu oni iam aŭdis filinon parolanta tiamaniere kun sia patro?

ELIZO. Ĉu oni vidis iam patron edzinigi sian filinon tiamaniere?

HARPAGONO. Tio estas partio, en kiu nenio estas riproĉinda, kaj mi vetas, ke ĉiuj aprobos mian elekton.

ELIZO. Kaj mi vetas, ke de nenia prudenta homo ĝi povos esti aprobata.

HARPAGONO (ekvidante Valeron malproksime.) Jen venas Valero. Ĉu vi volas, ke ni du faru lin juĝanto pri tiu afero?

ELIZO. Mi konsentas.

HARPAGONO. Ĉu vi akceptos lian juĝon?

ELIZO. Jes, mi faros tion, kion li diros.

HARPAGONO. Decidite.

---

## SCENO VII

### VALERO, HARPAGONO, ELIZO

HARPAGONO. Tien ĉi, Valero. Ni vin elektis, por ke vi diru al ni, kiu estas prava, mi aŭ mia filino.

VALERO. Tiu estas vi, Sinjoro, sen kontraŭdiro.

HARPAGONO. Ĉu vi scias ja, pri kio ni parolas?

VALERO. Ne, sed vi ne povas esti malprava, ĉar vi estas la praveco mem.

HARPAGONO. Mi volas doni al ŝi hodiaŭ vespere, kiel edzon, homon tiel riĉan kiel prudentan; kaj la friponino diras al mi sub la nazo, ke ŝi rifuzas lin akcepti. Kion vi diras pri tio?

VALERO. Kion mi diras?

HARPAGONO. Jes.

VALERO. He! He!

HARPAGONO. Kion?

VALERO. Mi diras, ke en la fundo mi samopinias kun vi, kaj vi ne povas ne esti prava; sed ankaŭ ŝi ne estas tute malprava; kaj...

HARPAGONO. Kiel! Sinjor' Anselmo estas rimarkinda partio; li estas nobela, ĝentila, eminenta, prudenta kaj tre riĉa sinjoro, al kiu restas nenia infano de lia unua edziĝo. Ĉu ŝi povus renkonti ion pli bonan?

VALERO. Tio estas vera; sed ŝi povus diri al vi, ke tio ĉi estas iom tro rapidigi la aferojn, kaj ke ŝi almenaŭ bezonas kelkan tempon por vidi, ĉu ŝia korinklino povos konformiĝi je...

HARPAGONO. Tian okazon oni bezonas ekkapti rapidege. Mi

trovas tie ĉi profiton, kiun mi ne trovus aliloke; ĉar li promesas akcepti ŝin sen doto.

VALERO. Sen doto?

HARPAGONO. Sen doto.

VALERO. Ha! mi ne diras ion plu. Vidu! Jen estas argumento tute konvinka; post tio oni devas kapitulaci.

HARPAGONO. Tio ĉi estos por mi rimarkinda ŝparo.

VALERO. Efektive, tio ĉi ne permesas kontraŭdiron. Via filino povas tamen rimarkigi, ke edziniĝo estas pli grava afero ol oni povus pensi; ke estas en ĝi motivo por esti feliĉa aŭ malfeliĉa en la tuta vivado, kaj ke kontrakto daŭronta ĝis la morto neniam devas esti farata sen tre granda singardemo.

HARPAGONO. Sen doto!

VALERO. Vi estas prava. Tio ĉi decidas ĉion, kompreneble. Kelkaj personoj eble dirus, ke en tia okazo la korinklino de knabino sendube estas konsiderinda, kaj ke tiu granda diferenco pri aĝo, karaktero kaj sentoj, metas la geedzojn en danĝeron de tre bedaŭrindaj sekvoj...

HARPAGONO. Sen doto!

VALERO. Ha! Nenia respondo al tio; oni ĝin ja scias. Kiu, per la diablo, povas iri kontraŭ tio? Multaj patroj tamen plivole rigardus la feliĉon de siaj filinoj ol la monon, kiun ili devus doni; ili ne volus ilin oferi pro la financa utilo, kaj penadus, antaŭ ĉio alia, kunigi ĉe la geedzoj tiun dolĉan konformecon, kiu senĉese daŭrigos inter ili honoron, pacon kaj ĝojon; kaj...

HARPAGONO. Sen doto!

VALERO. Estas vere; tio ĉi fermigas la buŝon; sen doto! Kia rimedo por kontraŭstari al tia argumento!

HARPAGONO (flanken, rigardante al la ĝardeno). Hé! Ŝajnas al mi, ke mi aŭdas bojadon de hundo. Ĉu oni volus ataki mian monon? (al Valero) Ne moviĝu, mi tuj revenos.

---

## SCENO VIII

ELIZO, VALERO

ELIZO. Ĉu vi ŝercas, Valero, parolante tiamaniere kun li?

VALERO. Tio estas por ne fari lin maldolĉa, kaj por plibone lin venki. Kontraŭstari rekte al liaj intencoj estus rimedo por malbonigi ĉion; kaj kelkajn homojn oni devas ataki flanke; tiaj temperamentoj malamas la kontraŭstaron; tiaj obstinaj animoj ne volas akcepti la veron, kaj rigidiĝas kontraŭ la rekta vojo de la prudento; oni nur per kurba vojo povas ilin konduki al la dezirata celo. Ŝajnigu, ke vi konsentas je lia deziro kaj vi plibone atingos vian celon, kaj...

ELIZO. Sed tiu edziĝo, Valero?

VALERO. Oni serĉos pretekstojn por rompi ĝin.

ELIZO. Sed kion elpensi, ĉar ĝi estas fariĝonta hodiaŭ vespere?

VALERO. Vi devas peti pri prokrasto, aŭ ŝajnigi vin malsana.

ELIZO. Sed oni eltrovos la ŝajnigon, se oni venigos kuracistojn.

VALERO. Ĉu vi ŝercas? Ĉu ili scias ion pri tio? Trankviliĝu. Vi povos havi antaŭ ili kian ajn malsanon vi volas; ili trovos argumentojn por klarigi, el kio ĝi devenas.

---

## SCENO IX

HARPAGONO, ELIZO, VALERO

HARPAGANO (flanken, en la fundo de l' teatro.) Tio estis nenio, dank' al Dio.

VALERO (ne vidante Harpagonon). Fine, nia lasta rimedo estos la forkuro, kiu povas nin ŝirmi kontraŭ ĉio; kaj se via amo, bela Elizo, estas kapabla je tia kuraĝo... (ekvidante Harpagonon) Jes, ĉiu filino devas obei sian patron. Ŝi ne devas rigardi kiela estas la edzo; kaj se ĉeestas la granda argumento

« sen doto », ŝi devas esti preta por akcepti ĉion, kion oni proponos al ŝi.

HARPAGONO. Bone! Jen estas bona parolado.

VALERO. Mia sinjoro, mi petas pri pardono, se mi ekscitiĝas iom, kaj kuraĝas paroli tiamaniere kun ŝi.

HARPAGONO. Kiel? Mi estas ravita, kaj mi volas, ke vi prenu sur ŝin plenegan povon. (al Elizo) Jes, kien ajn vi iras, mi transdonas al li l' aŭtoritaton, kiun la ĉielo donis al mi super vi, kaj mi volas, ke vi faru ĉion, kion li ordonos.

VALERO. Ĉu vi post tio kontraŭstaros al miaj admonoj?

## SCENO X

HARPAGONO, VALERO.

VALERO. Mia sinjoro, mi ŝin sekvos por daŭrigi la lecionon, kiun mi estis faranta al ŝi.

HARPAGONO. Jes, vi faros servon al mi, certe.

VALEÑO. Estas bone teni ŝin iom forte per la brido.

HARPAGONO. Estas vere. Oni devas...

VALERO. Ne malkvietiĝu. Mi pensas, ke mi ŝin konvinkos.

HARPAGONO. Faru, faru, mi promenados iom en la urbo kaj baldaŭ revenos.

VALERO, parolante al Elizo kaj elirante je la sama flanko, kiel ŝi). Jes, la mono estas la plej valora afero en la mondo, kaj vi devas danki al la ĉielo pro la prudenta patro, kiun ĝi donis al vi. Li scias, kio estas la vivo. Kiam viro proponas preni ies filinon sen doto, oni ne devas rigardi pluen. Tio ĉi enhavas ĉion, kaj « sendoto » anstataŭas belecon, junecon, altnaskon, honorecon, saĝecon kaj honestecon.

HARPAGONO (sola). Ho! la brava knabo! Jen estas paroli kiel orakolo. Feliĉa tiu, kiu povas havi tian servanton!

# AKTO II

## SCENO I

KLEANTO, LA FLÈCHE

KLEANTO. Ha! perfidulo, kie do vi kaŝis vin? Ĉu mi ne ordonis al vi...?

LA FLÈCHE. Jes, Sinjoro, mi venis tien ĉi por atendi vin senmove, sed sinjor' via patro, la plej malĝentila el la homoj, min elpelis malgraŭ mi, kaj mi trovis min en danĝero esti batata.

KLEANTO. Kiel staras nia afero? La okazo estas pli urĝa ol iam. De l' tempo kiam mi vidis vin, mi eltrovis, ke mia patro estas mia konkuranto!

LA FLÈCHE. Via patro enamiĝa!

KLEANTO. Jes, kaj mi tre malfacile sukcesis kaŝi antaŭ li la malkvieton, kiun tiu novaĵo kaŭzis al mi.

LA FLÈCHE. Li sin okupi je amo! Kion, diablo, li pensas? Ĉu li mokas? Ĉu l' amo estas farita por tiel konstruitaj homoj?

KLEANTO. Pro miaj pekoj estis necese, ke tiu pasio venu en lian kapon.

LA FLÈCHE. Sed pro kio kaŝi al li vian amon?

KLEANTO. Por doni al li malpli da suspekto, kaj rezervi al mi, se mi ĝin bezonos, pli oportunan okazon por malhelpi tiun edziĝon. Kian respondon oni faris al vi?

LA FLÈCHE. Vere, Sinjoro, la prunteprenantoj estas malfeliĉaj homoj, kaj oni devas elporti strangajn aferojn, kiam oni

Ceux qui empruntent

estas devigata, kiel vi, meti sin inter la manojn de la procenteguloj.

KLEANTO. La prunto ne fariĝos?

LA FLÈCHE. Pardonu. Simono, la makleristo, kiun oni montris al ni, homo agema kaj fervorplena, diras, ke li faris por vi ĉion; kaj li certigas ke via sola vizaĝo kaptis lian koron.

KLEANTO. Mi havos do la dekkvin mil frankojn, kiujn mi petas?

LA FLÈCHE. Jes, sed sub kelkaj kondiĉetoj, kiujn vi devos akcepti, se vi volas, ke tio fariĝu.

KLEANTO. Ĉu li igis vin paroli kun tiu, kiu pruntos la monon?

LA FLÈCHE. Ha, vere! Tio ne fariĝas tiel. Li, ankoraŭ pli ol vi, zorgas sin kaŝi, kaj tio estas mistero multe pli granda, ol vi ĝin pensas. Oni nepre ne volas diri lian nomon, kaj oni aranĝos hodiaŭ en domo luita renkontiĝon inter vi kaj li, por ke li sciiĝu per via buŝo pri via posedaĵo kaj via familio; kaj mi ne dubas, ke la sola nomo de via patro faciligos l' aferon.

KLEANTO. Kaj precipe ĉar nia patrino jam mortis, kies posedaĵon oni ne povas forpreni de mi.

LA FLÈCHE. Jen estas kelkaj paragrafoj, kiujn li mem diktis al nia peranto, por montri ilin al vi, antaŭ ol daŭrigi l' aferon:
« Supozite, ke la pruntedonanto vidos en l' afero plenan
« sendanĝerecon, kaj ke la prunterícevanto estas plenaĝa
« kaj el familio havanta bienon vastan, fortikan, certan,
« klaran kaj liberan de ia embaraso, oni faros bonan kaj
« precizan kontrakton antaŭ notario, la plej honesta homo,
« kiun oni povos trovi, kaj kiu pro tio estos elektita de la
« pruntedonanto, al kiu plej utilas, ke la kontrakto estu
« dece redaktita. »

KLEANTO. Nenion por diri kontraŭ tio.

LA FLÈCHE. « La pruntedonanto, por ne ŝarĝi sian konsciencon
« per ia riproĉo, volas prunti sian monon nur po unu denaro
« por dekok [1]. »

1. $5 \frac{5}{9}$ p. 100

KLEANTO. Unu por dekok! Certe; tio ĉi estas honesta, kaj estas nenia kaŭzo por plendi.

LA FLÈCHE. Estas vere.

« Sed, ĉar la dirita pruntanto ne havas ĉe si la priparolatan « sumon, kaj ĉar li, por kontentigi la prunteprenanton, estas « devigata ĝin pruntepreni de alia persono po unu denaro por « kvin [1], konvenos, ke la dirita unua prunteprenanto pagu tiun « ĉi procenton, krom la alia, tial ke, nur por fari servon al « li, la pruntedonanto kontraktos tiun prunton. »

KLEANTO. Kiel, per la diablo! Kia hebreo! kia Arabo estas tiu! tio fariĝas ja pli ol unu denaro por kvar [2].

LA FLÈCHE. Estas vere; tion ĉi mi diris. Vi pensos pri tio.

KLEANTO. Kion vi volas, ke mi pensu? Mi bezonas monon; mi estas do devigata konsenti je ĉio.

LA FLÈCHE. Tian respondon mi faris.

KLEANTO. Ĉu estas io plu?

LA FLÈCHE. Ne estas pli ol unu paragrafeto :

« El la dekkvin mil frankoj petitaj, la pruntanto povas « doni kontante nur dekdu mil frankojn, kaj por la ceteraj « mil eskudoj, la prunteprenanto devos akcepti la vestojn, « meblojn, kaj juvelojn, kies katalogo sekvas, kaj kiujn la « dirita pruntanto kalkulis honeste je la kiel eble plej « modera prezo. »

KLEANTO. Kion signifas tio ĉi?

LA FLÈCHE. Aŭskultu la katalogon :

« Unue, lito kvarpieda kun kurtenoj el hungara brodaĵo « tre lerte aranĝita sur olivkolora drapo; kun ses seĝoj kaj « samŝtofa littego; ĉio bone fasonita kaj subtegita per ruĝe- « blue ŝanĝiĝanta tafteto.

« Plie granda baldakeno el bona lana ŝtofo de Aŭmalo « sekrozokolora kun silkaj rando kaj franĝoj. »

KLEANTO. Kion li volas, ke mi faru kun tio?

1. 20 p. 100.
2. 25 p. 100.

LA FLÈCHE. Atendu.

« Plie teksita tapeto figuranta la Kupidojn de Gombaud « kaj Macé. »

« Plie granda tablo el juglandligno, kun dekdu tornitaj « kolonoj aŭ kolonegoj, kiu estas detirebla je la du finoj, « kaj provizita malsupre per ses benketoj. »

KLEANTO. Kion mi faros, per Dio!...

LA FLÈCHE. Havu paciencon.

« Plie tri grandaj pafiloj tute ornamitaj per perlamoto, « kun la tri apartenaj forkoj [1]. »

« Plie brika forno kun du retortoj [2] kaj tri vazoj tre utilaj « por tiuj, kiuj amas distili. »

KLEANTO. Mi furiozas!

LA FLÈCHE. Kviete!

« Plie liuto el Bolono, havanta ĉiujn aŭ preskaŭ ĉiujn « siajn kordojn.

« Plie trumadamo [3], kaj ludo de damoj, kun anserludo « renovigita laŭ la Greka modo, tre konvena por pasigi la « tempon, kiam oni nenion havas por fari.

« Plie haŭto de lacerto longa je tri kaj duono futoj, plena « je fojno, agrabla kuriozaĵo por pendigi je la plafono de « ĉambro.

« La supredirita ĉio valoranta laŭ konscienca kalkulo « pli ol kvarmil kvincent frankojn, kaj malaltigita ĝis la « prezo de mil eskudoj pro la modereco de l'pruntedonanto. »

KLEANTO. La pesto lin sufoku kun lia modereco, la perfidulon, la turmentiston! Ĉu oni iam aŭdis pri tia monavideco? Ĉu ne sufiĉas al li la hontiga procento, kiun li postulas, ke li volas plie devigi min akcepti por tri mil frankoj la malnovajn rubojn, kiujn li kolektas? Mi ne ricevos ducent eskudojn por ĉio tio. Tamen mi devas konsenti je kio ajn

1. Forko = forkforma paliso, sur kiu la antikvaj pafilistoj apogis la armilon por celi kaj pafi.

2. Retorto = vitra maŝino uzata de la ĥemiistoj por la distilo.

3. « Trou-Madame » = antikva ludo konsistanta el dektri kugletoj, kiujn oni ruligas en samnombrajn kavetojn markitajn por la gajno aŭ la malgajno.

li volas; ĉar li povas ĉion akceptigi al mi; tiu friponego metas al mi ponardon sur la gorĝon.

La Flèche. Mi vidas vin, Sinjoro, tio ne vin ofendu, precize sur la granda vojo, sur kiu Panurĝo iris, kiam li ruinigis sin, prunteprenante monon, aĉetante kare, vendante malkare kaj manĝante sian grenon ankoraŭ verdan.

Kleanto. Kion vi volas, ke mi faru? Al tio la junuloj estas alkondukataj de la malbenita avareco de la patroj; kaj post tio ĉi oni miras, kiam la filoj deziras ilian morton!

La Flèche. Mi konfesas, ke via patro ekscitus per sia malnobleco la plej kvietan homon en la mondo. Mi neniel havas, dank'al Dio, la emon esti pendigata, kaj inter miaj kolegoj, kiujn mi vidas sin okupantaj je multaj komercetoj, mi scias lerte tiri mian pinglon el la ludo [1] kaj eviti prudente ĉiujn aferojn, kiuj eĉ malforte odoras pri eŝafodo; sed, por diri al vi la veron, li donus al mi per siaj farmanieroj la tenton lin priŝteli, kaj, lin priŝtelante, mi pensus fari agon meritplenan.

Kleanto. Donu iom tiun ĉi katalogon, por ke mi ĝin tralegu denove.

---

## SCENO II

HARPAGONO, SIMONO, KLEANTO kaj LA FLÈCHE
(en la fundo de l'teatro).

Simono. Jes, Sinjoro, li estas junulo, kiu bezonas monon; liaj aferoj necesigas, ke li rapide trovu ĝin, kaj li konsentos je ĉio, kion vi ordonos.

Harpagono. Sed ĉu vi pensas, Simono, ke estas nenia danĝero en tio? Ĉu vi scias la nomon, la posedaĵon kaj la familion de la junulo, pri kiu vi parolas?

Simono. Ne, mi ne povas informi vin funde pri tio; kaj nur okaze

1. France « tirer son épingle du jeu » = sin liberigi lerte el malbona afero.

mi estis sendita al li; sed pri ĉio vi estos sciigata de li mem, kaj lia lakeo min certigis, ke vi estos kontenta, kiam vi lin konos. Nur tion ĉi mi povas diri, ke lia familio estas tre riĉa, ke li jam ne havas patrinon kaj ke li promesos, se vi ĝin volos, ke ankaŭ lia patro estos mortinta antaŭ ok monatoj.

HARPAGONO. Tio estas io. La bonfaremo, Simono, necesigas nin fari plezuron al la homoj, kiam ni ĝin povas.

SIMONO. Kompreneble.

LA FLÈCHE (mallaŭte, al Kleanto, rekonante Simonon). Kion signifas tio ĉi? Nia Simono parolanta kun via patro!

KLEANTO (mallaŭte, al La Flèche). Ĉu iu eble sciigis lin pri tio, kiu mi estas? Ĉu vi estas kapabla min perfidi?

SIMONO (al Kleanto kaj La Flèche). Ho! Ho! Vi estas tre senpaciencaj. Kiu diris al vi, ke ĝi estas tie ĉi? (al Harpagono.) Ne mi almenaŭ, Sinjoro, malkovris al ili vian nomon kaj vian loĝejon. Sed, laŭ mia opinio, ne estas io bedaŭrinda en tio ĉi; ili estas nebabilemaj homoj, kaj vi povas tie ĉi interparoli kune.

HARPAGONO. Kiel!

SIMONO (montrante Kleanton). Tiu ĉi sinjoro estas la persono, kiu volas pruntepreni de vi la dekkvin mil funtojn, pri kiuj mi parolis kun vi.

HARPAGONO. Kiel, kanajlo! Estas vi, tiu kiu kuraĝas sin doni al tiaj kulpaj ekstremaĵoj!

KLEANTO. Kiel, patro! Vi estas tiu, kiu sin metas al tiaj hontigaj faroj!

(Simono foriras, kaj La Flèche sin kaŝas.)

---

## SCENO III

HARPAGONO, KLEANTO

HARPAGONO. Vi estas tiu, kiu volas ruiniĝi per prunteprenoj tiel kondamnindaj!

KLEANTO. Kaj vi penadas riĉiĝi per tiel krimaj procentegoj!

HARPAGONO. Ĉu vi post tio riskas aperi antaŭ mi?

KLEANTO. Ĉu vi post tio kuraĝas prezenti vin antaŭ la okuloj de l'mondo?

HARPAGONO. Ĉu vi ne hontas, diru, vin donante al tiaj diboĉoj, kurante al teruraj elspezoj kaj hontige dissemante la posedaĵojn, kiujn viaj gepatroj akiradis per tiel multaj ŝvitoj?

KLEANTO. Ĉu vi ne ruĝiĝas, malhonorante vian situacion per la komercoj, kiujn vi faras, oferante gloron kaj bonfamon pro la nesatigebla avideco kunmeti eskudon sur eskudon, kaj superante pri la procentoj la plej abomenajn artifikojn iam elpensitajn de la plej famaj procenteguloj?

HARPAGONO. For de miaj okuloj, fripono, for de miaj okuloj!

KLEANTO. Kiu estas pli krima, laŭ via opinio, ĉu tiu, kiu aĉetas monon bezonatan, aŭ tiu, kiu ŝtelas nebezonatan monon?

HARPAGONO. Foriru, mi diras, kaj ne min kolerigu. (sola) Mi ne bedaŭras tiun ĉi âventuron; ĝi estas por mi admono, ke mi havu pli ol iam la okulojn sur ĉiujn liajn farojn.

---

## SCENO IV

FROZINO, HARPAGONO

FROZINO. Sinjoro...

HARPAGONO. Atendu momenton; mi tuj revenos kaj parolos kun vi. (flanken) Estas ĝustatempe, ke mi iru iom observi mian monon.

---

## SCENO V

LA FLÈCHE, FROZINO

LA FLÈCHE (ne vidante Frozinon). Estas vere amuza aventuro. Li devas havi ie vastan magazenon da vestaĵoj, ĉar ni nenion rekonis en la katalogo, kiun ni havas.

Frozino. He! estas vi, mizera La Flèche! Kiel okazas tiu renkontiĝo?

La Flèche. Ha! estas vi, Frozino! Kion vi deziras fari tie ĉi?

Frozino. Kion mi faras en ĉiu alia loko; min okupi je traktoj, fari servojn al la personoj kaj profiti kiel eble plej bone la ecojn, kiujn mi povas havi. Vi scias, ke en tiu ĉi mondo estas necese vivadi per artifikoj, kaj ke, al personoj kiel mi, la ĉielo ne donis aliajn rentojn, ol l'intrigon kaj la lertecon.

La Flèche. Ĉu vi havas kelkan negocon kun la mastro de tiu ĉi domo?

Frozino. Jes, mi traktas por li kelkan afereton, pro kiu mi esperas havi rekompencon.

La Flèche. De li? Ho! vere, vi estos tre lerta, se vi eltiros ion de li; kaj mi vin avertas, ke la mono tie ĉi estas tre kara.

Frozino. Estas kelkaj servoj, kiuj mirinde trafas.

La Flèche. Mi estas via servanto, sed vi ne konas ankoraŭ sinjoron Harpagono... Sinjor' Harpagono estas el ĉiuj homoj la homo malplej homa, la mortemulo el ĉiuj mortemuloj plej malmola kaj plej maldonema. Ne estas servo, kiu povas tiel instigi lian dankemon, ke li malfermu siajn manojn. Laŭdon, estimon, bonvolon en paroloj, kaj amikecon, tiel multe kiel vi deziros; sed pri mono ne parolu. Nenio estas tiel seka kaj tiel senfrukta, kiel lia favoro kaj liaj karesoj; *doni* estas vorto, kiun li tiel forte malamas, ke li neniam diras : *mi donas*, sed *mi pruntas* al vi la manon.

Frozino. Dio! mi scias l' arton melki la homojn; mi konas sekreton por malfermi ilian sentemon, por tikli ilian koron, por trovi la lokojn, en kiuj ili estas vundeblaj.

La flèche. Bagateloj tie ĉi. Mi vetas, ke vi ne povos moligi, koncerne monon, la homon pri kiu ni parolas. Pri tio ĉi li estas Turko, sed de Turkeco, kiu ĉiujn malesperigus. Oni povus krevi[1], ne lin ŝanceligante. Unuvorte li amas monon

1. Triviala esprimo por *morti*.

pli ol bonfamon, honoron kaj virton, kaj la vido de monpetanto donas al li konvulsiojn; tio signifas lin frapi en la mortiga loko, trabori lian koron, elŝiri lian internaĵon, kaj se... Sed li revenas, mi foriras.

---

## SCENO VI

HARPAGONO, FROZINO

HARPAGONO (mallaŭte). Ĉio staras bone. (laŭte) Nu, Frozino, kio estas?

FROZINO. Ho! Dio! kiel bone vi fartas kaj kian vere sanoplenan vizaĝon vi havas!

HARPAGONO. Kiu? mi?

FROZINO. Mi neniam vidis vin kun mieno tiel freŝa kaj tiel brava.

HARPAGONO. Vere?

FROZINO. Kiel! Vi neniam en via vivo estis tiel juna, kiel vi estas nun, kaj oni vidas dudekkvinjarajn junulojn, kiuj estas pli maljunaj ol vi.

HARPAGONO. Tamen, Frozino, mi estas sesdekjara, bone kalkulante.

FROZINO. Nu, kio estas tio? Sesdek jaroj? Bela afero! Tio estas la florado de l' aĝo, kaj vi nun eniras la belan sezonon de la homa vivo.

HARPAGONO. Estas vere; sed mi opinias, ke dudek jaroj malplie ne estus tamen maloportunaj.

FROZINO. Ĉu vi ŝercas? Vi ne bezonas tion, kaj vi estas farita el tia pasto, ke vi vivos ĝis cent jaroj.

HARPAGONO. Vi kredas ĝin?

FROZINO. Certe; vi havas ĉiujn antaŭsignojn por tio. Levu la kapon. Ho! jen kiel bone vidiĝas inter viaj okuloj signo de longa vivado!

HARPAGONO. Ĉu vi estas lerta pri tio?

Frozino. Sendube. Montru vian manon. Ha! Dio! Kia linio de vivado!

Harpagono. Kiel?

Frozino. Ĉu vi ne vidas, ĝis kie sin etendas tiu ĉi linio?

Harpagono. Nu? kion tio ĉi signifas?

Frozino. Per Dio! mi diris cent jarojn; sed vi superpaŝos cent dudek.

Harpagono. Ĉu estas eble?

Frozino. Oni estos devigata vin buĉi, mi vetas. Vi enterigos[1] viajn infanojn kaj la infanojn de viaj infanoj.

Harpagono. Des pli bone! Kiel staras nun nia afero?

Frozino. Ĉu vi bezonas demandi pri ĝi? Ĉu oni vidas, ke mi okupas min je afero, kiun mi ne alkondukas al feliĉa fino? Precipe pri edziĝoj mi havas mirindan lertecon. Ne estas en la mondo partioj, kies kuniĝon mi ne prosperigas en mallonga tempo, kaj mi pensas ke, se mi metus tion en mian kapon, mi edzigus la grandan Turkon[2] kun la Respubliko de Venecio. Ne estis certe tiel grandaj malhelpaĵoj en nia afero. Ĉar mi havas rilatojn kun tiuj sinjorinoj, mi funde interparolis kun ili pri vi, kaj mi raportis al la patrino pri l' intenco, kiun vi ekhavis pri Mariano nur tial, ke vi vidis ŝin pasantan sur la strato kaj sin aerumantan ĉe sia fenestro.

Harpagono. Kaj ŝi respondis...?

Frozino. Ŝi ĝoje akceptis la proponon; kaj kiam mi ŝin sciigis pri via forta deziro, ke ŝia filino alestu hodiaŭ vespere al la edziĝkontrakto de via propra filino, ŝi volonte konsentis kaj konfidis ŝin al mi por tio.

Harpagono. Ĉar mi estas devigita, Frozino, doni vespermanĝon al Sinjor' Anselmo, mi tre deziras, ke ŝi partoprenu en la festeno.

Frozino. Vi estas prava. Ŝi venos post tagmanĝo por viziti

1. = Supervivos.
2. = La Sultano de Konstantinopolo.

vian filinon; de tie ĉi ŝi intencas iri promenadi al la foiro, kaj ŝi poste revenos al la vespermanĝo.

Harpagono. Tiam ili iros kune en mia kaleŝo, kiun mi pruntos al ili.

Frozino. Tio ĉi tre plaĉos al ŝi.

Harpagono. Sed, Frozino, ĉu vi interparolis kun la patrino pri la doto, kiun ŝi povas doni al sia filino? Ĉu vi diris al ŝi, ke ŝi devas iom penadi, klopodi, fari oferon en tia okazo? ĉar oni ne edziĝas ja je knabino ne alportanta iom da posedaĵo.

Frozino. Kiel! Tiu ĉi knabino alportos al vi renton de dekdu mil frankoj.

Harpagono. Renton de dekdu mil frankoj?

Frozino. Jes. Unue, ŝi estis nutrata kaj edukata en granda ŝparemo de manĝaĵo; ŝi estas knabino kutiminta vivadi per salato, lakto, fromaĝo kaj pomoj, kaj por kiu do ne estos necesaj tablo bone provizita nek konsomeoj bongustegaj, nek ĉiutagaj hordekukoj, nek similaj frandaĵoj, kiujn bezonus alia virino; kaj tio ne estas tiel negrava, ke ĝi ne atingos ĉiujare almenaŭ tri mil frankojn. Aliparte, ŝi nur ŝatas tre simplan purecon, kaj ne amas belegajn vestojn, multekostajn juvelojn nek luksajn meblojn, kiujn tiel varme deziras ŝiaj similaj. Kaj tiu ĉi fako valoras pli ol kvar mil frankojn ĉiujare.

Plie ŝi terure malamas la ludon, kio ne estas ofta ĉe la nuntempaj virinoj, ĉar mi scias, ke unu el niaj najbarinoj perdis tiun ĉi jaron ĉe la tridek-kvardek-ludo [1] dudek mil frankojn. Sed ni prenu nur la kvaronon de tio. Kvin mil frankoj ĉiujare per la ludo, kaj kvar mil frankoj per vestoj kaj juveloj, tio ĉi estas naŭ mil frankoj; kaj mil eskudoj, kiujn ni metas por la nutraĵo, ĉu tiel ne estas ĉiujare viaj dekdu mil frankoj bone kalkulitaj?

1. 30 et 40 = Hazarda kartludo.

Harpagono. Jes, tio ĉi ne estas malbona; sed tiu kalkulo havas nenion efektivan.

Frozino. Pardonu. Ĉu ne estas io efektiva alporti kiel doton grandan moderecon, kiel heredaĵon plenan simplemon de ornamo, kaj kiel akiron fortan malamon al la ludo?

Harpagono. Estas moko, voli fari doton el ĉiuj elspezoj, kiujn ŝi ne faros. Mi ne kvitancos pri io, kion mi ne ricevas; kaj mi tamen devas ion palpi.

Frozino. Dio! vi palpados sufiĉe; plie ili parolis al mi pri unu lando, kie ili posedas bienon; ĝi estos via apartenaĵo.

Harpagono. Estos necese tion ekzameni. Sed, Frozino, ankoraŭ io maltrankviligas min. La knabino estas juna, kiel vi vidas, kaj la gejunuloj ĝenerale nur amas siajn samaĝulojn, kaj nur kun ili volonte iras. Mi timas, ke viro en mia aĝo ne estos laŭ ŝia gusto, kaj ke tio ĉi kaŭzos en mia domo kelkajn eksterordaĵetojn, kiuj ne plaĉus al mi.

Frozino. Ha! kiel malbone vi ŝin konas! Estas ankoraŭ apartaĵo, kiun mi estis dironta al vi. Ŝi havas teruran antipation por ĉiuj junuloj kaj amas nur maljunulojn.

Harpagono. Ŝi?

Frozino. Jes, ŝi. Mi volus, ke vi estu aŭdinta ŝin parolanta pri tio. Ŝi tute ne povas elporti la vidon de junulo; ŝi diras, ke ŝi neniam estas pli kontenta, ol kiam ŝi povas vidi belan maljunulon kun majesta barbo. La plej maljunaj estas la plej ĉarmaj por ŝi, kaj mi vin avertas, ke vi ne ŝajnigu vin pli juna ol vi estas. Ŝi volas, ke oni estu almenaŭ sesdekjara, kaj antaŭ malpli ol kvar monatoj, kiam ŝi estis tuj edziniĝonta, ŝi subite ekrompis la edziĝon, tial ke ŝia amanto vidigis, ke li estas nur kvindeksesjara, kaj ne prenis okulvitrojn por subskribi la kontrakton.

Harpagono. Nur tial?

Frozino. Jes. Ŝi diras, ke kvindek ses jaroj ne kontentigas ŝin, kaj ŝi precipe amas la nazojn, kiuj portas okulvitrojn.

Harpagono. Certe vi diras al mi aferon tute novan.

Frozino. Tio ĉi estas pli forta, ol oni ĝin povas diri. En ŝia

ĉambro, oni vidas kelke da pentraĵoj kaj desegnaĵoj. Sed kion vi pensas, ke ili figuras? Adonisojn? Cefalojn? Parisojn kaj Apolonojn? Ne; ili estas belaj portretoj de Saturno, reĝo Priamo, la maljuna Nestoro, kaj la bona patro Ankizo sur la ŝultroj de sia filo.

Harpagono. Tio ĉi estas mirinda! Ĝin mi neniam estus imaginta; kaj mi estas tre kontenta ekscii, ke ŝi havas tian karakteron. Efektive, se mi estus virino, mi ne amus la junajn virojn.

Frozino. Mi ĝin ja kredas! Jen estas belaj drogoj, tiuj junuloj, por ke oni amu ilin! Ili estas belaj vantuloj, belaj dandoj, por ke oni deziru ilian haŭton! kaj mi tre volus scii, kia allogo kuŝas en ili!

Harpagono. Rilate min, mi nenian trovas, kaj mi ne scias pro kio kelkaj virinoj tiel forte amas ilin.

Frozino. Oni devas esti tute freneza. Trovi la junulojn agrablaj, ĉu tio ĉi estas prudenta? Ĉu tiuj junaj blonduloj estas viroj? Kaj ĉu oni povas ami tiajn bestojn?

Harpagono. Tion ĉi mi ĉiutage diras. Kun ilia voĉo de juna kokino, iliaj tri maldikaj lipharoj levitaj kiel katbarbo, iliaj perukoj de kanabo, iliaj pantalonoj falantaj, kaj iliaj stomakoj malbone vestitaj!...

Frozino. He! Bele konstruitaj ili estas, kompare kun persono kiel vi! Jen estas viro, kiun oni plezure rigardas. Tiel farita kaj vestita oni devas esti, se oni volas inspiri amon.

Harpagono. Vi trovas min bela?

Frozino. Kiel? Vi estas ĉarma kaj via vizaĝo estas pentrinda. Turniĝu iom, mi petas; pli bela estas neeble. Mi vidu vin marŝantan; jen estas korpo fasonita, facilmova kaj gracia, kiel konvenas, kaj kiu elsignas nenian malsaneton.

Harpagono. Nenian gravan mi havas, dank'al Dio; estas nur mia gorĝoŝvelo, kiu min prenas kelkafoje.

Frozino. Tio ĉi estas nenio; via gorĝoŝvelo ne havas malbelan ŝajnon ĉe vi, kaj vi estas ĉarma, kiam vi tusas.

HARPAGONO. Diru ion; ĉu Mariano ne vidis min jam? Ĉu ŝi ne rimarkis min, pasante?

FROZINO. Ne; sed ni multfoje interparoladis pri vi; mi faris al ŝi portreton de via persono; kaj mi ne forgesis laŭdi vian meriton kaj ŝian feliĉon, se ŝi havus tian edzon kiel vi.

HARPAGONO. Vi faris bone, mi dankas.

FROZINO. Malgrandan peton mi devas fari al vi, Sinjoro. Mi havas proceson, kiun mi baldaŭ perdos pro manko de iom da mono (Harpagono fariĝas serioza) kaj vi facile povus liveri al mi la gajnon de tiu proceso, havante por mi kelkan komplezon... Vi ne povas imagi la plezuron, kiun ŝi havos, vin vidante. (Harpagono refaras gajan vizaĝon.) Ho! kiel vi plaĉos al ŝi, kaj kian admiran impreson faros sur ŝian animon via krispo laŭ la antikva modo! Sed ŝi precipe estos ravata de via pantalono alligita per ŝnuroj al la jako; tio sufiĉos, por ke ŝi vin amu freneze, kaj traŝnurigita amanto estos por ŝi mirinda regalo.

HARPAGONO. Certe, vi ravas min, tion ĉi dirante.

FROZINO. Vere, Sinjoro, tiu proceso havas por mi grandan gravecon. (Harpagono refaras vizaĝon seriozan.) Mi estos ruinigita, se mi ĝin perdos, kaj iom da helpo restarigus miajn aferojn... Mi volus, ke vi estu vidinta ŝian plezuron, kiam ŝi aŭdis min paroli pri vi. (Harpagono refaras vizaĝon gajan.) La ĝojo briladis en ŝiaj okuloj, dum mi rakontis pri viaj meritoj, kaj fine mi elvekis ĉe ŝi grandegan senpaciencon, ke tiu ĉi edziĝo estu jam afero farita.

HARPAGONO. Vi faris al mi grandan plezuron, Frozino, kaj mi konfesas, ke mi tre ŝuldas al vi.

FROZINO. Mi petas vin, Sinjoro, donu al mi la malgrandan helpon, pri kiu mi petas. (Harpagono denove fariĝas serioza.) Tio ĉi min savos kaj mi estos al vi eterne danka...

HARPAGONO. Adiaŭ. Mi iras fini miajn leterojn.

FROZINO. Mi certigas vin, Sinjoro, ke vi neniam povus helpi al mi ĉe pli granda embaraso.

HARPAGONO. Mi ordonos, ke mia kaleŝo estu tute preta por konduki vin al la foiro.

FROZINO. Mi vin tiel ne tedus, se mi ne estus devigata de la neceso.

HARPAGONO. Kaj mi zorgos, ke oni vespermanĝu frue, por ne fari vin malsanaj.

FROZINO. Ne rifuzu, Sinjoro, la helpon, kiun mi petegas; vi ne povas imagi, Sinjoro, la plezuron, kiun...

HARPAGONO. Mi foriras. Jen oni min vokas. Ĝis posttagmezo.

FROZINO (sola). La febro vin premu, malnobla hundo; al ĉiuj diabloj! La maldonemulo firme kontraŭstaris al ĉiuj miaj atakoj. Sed mi tamen ne devas forlasi la negocon, ĉar mi havos en ĉia okazo la alian flankon, kie mi estas certa ricevi bonan rekompencon.

---

# AKTO III

## SCENO I

HARPAGONO, KLEANTO, ELIZO, VALERO, S^no^ KLAŬDO (tenante balailon), JAKOBO, LA MERLUCHE, BRINDAVOINE

HARPAGONO. Nu! Venu ĉiuj tien ĉi, por ke mi disdonu al vi miajn ordonojn por la vespero kaj klarigu al ĉiu lian rolon. Alproksimiĝu, S^no^ Klaŭdo. Ni komencu kun vi. Bone, vi havas la batalilon jam en mano. Mi vin komisias por purigi ĉie, kaj precipe evitu froti tro forte, por ne eluzi la meblojn. Krom tio, mi rajtigas vin dum la vespermanĝo por regi la botelojn, kaj se unu el ili perdiĝos aŭ se io rompiĝos, mi ŝuldigos vin, kaj forprenos ĝian valoron el via salajro.

JAKOBO (flanken). Politika puno!

HARPAGONO (al S^no^ Klaŭdo). Iru.

## SCENO II

HARPAGONO, KLEANTO, ELIZO, VALERO, JAKOBO, BRINDAVOINE, LA MERLUCHE

HARPAGONO. Vi, Brindavoine, kaj vi La Merluche, mi donas al vi la oficon lavi la glasojn kaj doni trinki, sed tion nur kiam oni soifos, kaj ne laŭ la kutimo de kelkaj arogantaj lakeoj, kiuj elvokas la gastojn kaj ilin instigas drinki, kiam

neniu pensas pri tio. Atendu ĝis oni petos ĝin de vi pli ol unufoje, kaj memoru ĉiam doni multe da akvo.

Jakobo (flanken). Jes, senakva vino ebriigas.

La Merluche. Ĉu ni formetos niajn kitelojn, Sinjoro?

Harpagono. Jes, kiam vi vidos la gastojn venantâj; kaj zorge evitu malbonigi viajn vestojn.

Brindavoine. Vi scias, Sinjoro, ke unu el la antaŭaj baskoj de mia jako estas kovrita per larĝa makulo de lampoleo.

La Merluche. Kaj ke mia pantalono estas truigita malantaŭe kaj ke, ne vin ofendante, oni vidas mian...

Harpagono (al La Merluche). Silentu; turnu tion ĉi lerte al la muro, kaj montru ĉiam al la gastoj la antaŭan parton. (al Brindavoine, montrante al li, kiel li devas teni la ĉapelon antaŭ sia jako por kaŝi la makulon de oleo). Kaj vi, tenu ĉiam vian ĉapelon tiamaniere, dum vi servos.

---

## SCENO III

HARPAGONO, KLEANTO, ELIZO, VALERO, JAKOBO

Harpagono. Vi, filino, vi tenos la okulojn sur tion, kion oni prenos de la tablo kaj vi zorgos, ke nenio difektiĝu. Tio ĉi konvenas bone al fraŭlinoj. Sed, dume, pretiĝu akcepti bone mian amatinon, kiu venos viziti vin kaj akompanos vin al la foiro. Ĉu vi komprenas, kion mi diras?

Elizo. Jes, patro.

---

## SCENO IV

HARPAGONO, KLEANTO, VALERO, JAKOBO

Harpagono. Kaj vi, mia filo, la fraŭleto, al kiu mi havas la bonecon pardoni l' aferon de hodiaŭ, ne imagu, vi ankaŭ, prezenti al ŝi malbonan vizaĝon.

KLEANTO. Mi, patro, malbonan vizaĝon? Pro kia motivo?

HARPAGONO. Nu! mi scias la humoron de la filoj, kies patro reedziĝas, kaj per kiaj okuloj ili ordinare rigardas tiun, kiun oni nomas duonpatrino. Sed se vi deziras, ke mi forgesu vian lastan petolaĵon, mi rekomendas al vi precipe regali tiun personon per afabla vizaĝo, kaj akcepti ŝin kiel eble plej ĝentile.

KLEANTO. Por diri al vi la veron, mia patro, mi ne povas promesi esti tre kontenta pri tio, ke ŝi fariĝos mia duonpatrino; mi mensogus se mi tion dirus; sed por akcepti ŝin dece kaj montri al ŝi afablan vizaĝon, mi promesas obei al vi precize en tiu ĉi rilato.

HARPAGONO. Vi atentu bone, almenaŭ.

KLEANTO. Vi vidos, ke vi nenian kaŭzon havos por plendi.

HARPAGONO. Vi faros prudente.

---

## SCENO V

HARPAGONO, VALERO, JAKOBO

HARPAGONO. Valero, helpu min pri tio ĉi. Nu, Jakobo, proksimiĝu; mi lasis vin por la fino.

JAKOBO. Ĉu al via veturigisto, Sinjoro, aŭ al via kuiristo, vi deziras paroli, ĉar mi estas ambaŭ.

HARPAGONO. Al ambaŭ.

JAKOBO. Sed al kiu komence?

HARPAGONO. Al la kuiristo.

JAKOBO. Volu do atendi, mi petas.

(Jakobo formetas sian livreon de kondukisto kaj aperas vestita kiel kuiristo).

HARPAGONO. Kia ceremonio estas tio?

JAKOBO. Vi povas paroli.

HARPAGONO. Jakobo, mi invitis gastojn al vespermanĝo hodiaŭ.

JAKOBO (flanken). Mirindaĵo!

HARPAGONO. Diru iom; ĉu vi regalos nin bone?

JAKOBO. Jes, se vi donos al mi multe da mono.

HARPAGONO. Al la diablo! Ĉiam monon! Ŝajnas kvazaŭ ili nenion pli havus por diri ol : monon! monon! monon! Ili ĉiam havas tiun ĉi vorton en buŝo, monon! Ĉiam paroli pri mono. Ĝi estas ilia granda batalilo, mono!

VALERO. Mi neniam aŭdis respondon pli arogantan ol tiun ĉi. Kia mirindaĵo estas regali bone per multe da mono? Ĝi estas l' afero plej facila en la mondo, kaj ne ekzistas tiel malsprita homo, ke li ne povus tiel fari; sed por montri sin lerta, oni devas proponi regali bone per malmulte da mono.

JAKOBO. Regali bone per malmulte da mono?

VALERO. Jes.

JAKOBO. Pro honoro, sinjor' majordomo, vi farus servon al ni montrante vian sekreton, kaj prenante sur vin mian oficon de kuiristo. Cetere vi pretendas esti la ĉiofaranta en tiu ĉi domo.

HARPAGONO. Silentu. Kion ni bezonos?

JAKOBO. Jen estas lia majordoma moŝto, kiu regalos vin bone per malmulte da mono.

HARPAGONO. Ha! mi volas, ke vi respondu al mi!

JAKOBO. Kiom da gastoj sidos ĉe la vespermanĝo?

HARPAGONO. Ni estos ok aŭ dek; sed vi devas aĉeti nur por ok. Kio estas sufiĉa por ok sufiĉas ankaŭ por dek.

VALERO. Kompreneble.

JAKOBO. Nu, ni bezonos kvar grandajn supojn kaj kvin manĝaĵetojn; buljonojn... saŭcaĵojn...

HARPAGONO. Per la diablo! Tio estus sufiĉa por nutri tutan urbon.

JAKOBO. Rostaĵon...

HARPAGONO (metante la manon sur la buŝon de Jakobo). Ha! perfidulo, vi manĝas mian tutan posedaĵon.

JAKOBO. Dolĉaĵojn...

HARPAGONO, (metante denove la manon sur lian buŝon). Ankoraŭ!

VALERO, (al Jakobo). Ĉu vi deziras krevigi ĉiujn? Kaj ĉu nia sinjoro invitis gastojn por ilin mortigi per troa manĝaĵo?

Legu do iom la konsilojn por bonfarto, kaj demandu la kuracistojn, ĉu estas io pli malsaniga por la homo ol la troa manĝo.

Harpagono. Li estas prava.

Valero. Eksciu, Jakobo, vi kaj viaj similaj, ke tablo kovrita per troa viando estas insido; por montri sin amiko de siaj gastoj, estas bezone, ke la modereco reĝu ĉe la manĝo, kaj, laŭ la diro de antikva saĝulo : Oni devas manĝi por vivi kaj ne vivi por manĝi.

Harpagono. Ha! Kiel bone dirita estas tio ĉi! Proksimiĝu por ke mi vin kisu pro tiu parolo. Ĝi estas la plej bela sentenco, kiun mi iam aŭdis : Oni devas vivi por manĝi, kaj ne manĝi por vi... Ne, ne estas tiel. Kiel vi diras?

Valero. Ke oni devas manĝi por vivi kaj ne vivi por manĝi.

Harpagono, (al Jakobo). Jes; ĉu vi aŭdas? (al Valero) Kiu eminenta homo diris tion ĉi?

Valero. Mi jam ne memoras lian nomon.

Harpagono. Memoru skribi por mi tiujn vortojn; mi volas, ke oni ilin gravuru per oraj literoj sur la kameno de mia manĝosalono.

Valero. Mi ne forgesos, kaj rilate la vespermanĝon, vi nur lasu min fari. Mi aranĝos ĉion konvene.

Harpagono. Faru do.

Jakobo. Des pli bone, mi havos malpli grandan laboron.

Harpagono, (al Valero). Vi elektos tiajn objektojn, el kiuj oni malmulte manĝas kaj kiuj baldaŭ satigas, kelkajn bonajn fazeolojn tre grasajn, kun kelka pasteĉo en poto bone provizita per kaŝtanoj.

Valero. Fidu al mi.

Harpagono. Nun, Jakobo, vi devas purigi mian kaleŝon.

Jakobo. Atendu. Tio ĉi koncernas la veturigiston. (Jakobo remetas sian livreon.) Vi diras...?

Harpagono. Ke vi devas purigi mian kaleŝon kaj havi miajn ĉevalojn tute pretaj por iri al la foiro.

Jakobo. Viajn ĉevalojn, Sinjoro; mi ĵuras, ke ili absolute ne

estas en stato por marŝi. Mi ne diras, ke ili kuŝas sur la pajlaĵo; la mizeraj bestoj nenian havas, kaj tiu ĉi estus malĝusta diro. Sed vi trudas al ili tiel severajn fastojn, ke ili jam ne estas pli ol similaĵoj aŭ fantomoj, ombroj de ĉevaloj.

HARPAGONO. Tre kompatindaj ili estas! Ili nenion faras.

JAKOBO. Kaj tial, ke oni ne faras ion, Sinjoro, ĉu oni ne bezonas manĝi? Multe pli bone estus por ili, la mizeraj bestoj, se ili laborus multe kaj manĝus same. Tio ĉi disfendas mian koron, vidi ilin tiel senfortiĝintaj; ĉar mi havas ja tian amon al miaj ĉevaloj, ke ŝajnas al mi kvazaŭ mi mem suferas, kiam mi vidas ilin suferantaj; ĉiutage mi forprenas ion el mia propra nutraĵo por doni al ili; ĉar vere, Sinjoro, estas troa krueleco, se oni tute ne kompatas al siaj similaj.

HARPAGONO. Ne estos granda laboro iri ĝis la foiro.

JAKOBO. Ne, Sinjoro, mi ne havas la kuraĝon ilin konduki, kaj mi sentus riproĉojn de konscienco, se mi vipus ilin en ilia nuna stato. Kiel vi volus, ke ili trenu kaleŝon? Sin mem ili ne povas treni.

VALERO. Sinjoro, mi petos la najbaron Pikardo, ke li volu ilin konduki; cetere ni bezonos lin ankaŭ por pretigi la vespermanĝon.

JAKOBO. Tiel estu. Mi preferas, ke ili mortu sub alia mano, ol sub la mia.

VALERO. S^ro^ Jakobo prezentas sin kiel prudentulon!

JAKOBO. Lia majordoma moŝto prezentas sin kiel homon necesan!

HARPAGONO. Silentu.

JAKOBO. Sinjoro, mi ne povas toleri la flatemulojn, kaj mi bone vidas, kion tiu ĉi volas. Liaj konstantaj observoj pri la pano, vino, ligno, salo kaj kandelo celas nur vin tikli kaj vin flati. Mi furiozas pro tio, kaj mi ĉagreniĝas, aŭdante ĉiutage tion, kion oni diras pri vi; ĉar mi sentas ja, malgraŭ ĉio, simpation por vi; kaj, post miaj ĉevaloj, vi estas la persono, kiun mi plej forte amas.

HARPAGONO. Ĉu povas mi scii, Jakobo, kion oni diras pri mi?

Jakobo. Jes, Sinjoro, se mi estus certa, ke tio ĉi ne vin ĉagrenus.

Harpagono. Neniel.

Jakobo. Pardonu; sed mi bone scias, ke mi vin kolerigus.

Harpagono. Tute ne; tio ĉi, kontraŭe, faros al mi plezuron, kaj mi estas kontenta ekscii, kiamaniere oni parolas pri mi.

Jakobo. Sinjoro, ĉar vi ĝin volas, mi diros al vi sincere, ke ĉiuj mokas vin, ke oni de ĉiu flanko ĵetas al ni cent pikantajn ŝercojn pri vi, kaj ke oni neniam estas tiel kontenta, kiel kiam oni vin senmodere mallaŭdas, kaj faras anekdotojn pri via avareco. Unu diras, ke vi presigas specialajn kalendarojn, en kiuj vi duobligas la Kvartempojn kaj la Vigilojn por profiti pli ofte la fastojn, kiujn vi trudas al via domanaro; alia pretendas ke vi ĉiam havas disputon pretan por fari al viaj servistoj en la tempo de la novjardonoj aŭ kiam ili prenas forpermeson de vi, por tiel havi motivon por nenion doni al ili; tiu ĉi rakontas, ke unu tagon vi vokis al juĝejo la katon de najbaro tial, ke ĝi manĝis restaĵon de kruro de ŝafido; tiu, ke oni vin surprizis nokte, kiam vi mem ŝtelis la avenon de viaj ĉevaloj, kaj ke via veturigisto, tiu, kiu servadis tie ĉi antaŭ mi, donis al vi en la mallumo mi ne scias kiom da batoj per bastono, pri kiuj vi neniam volis paroli. Fine, ĉu vi volas, ke mi ĝin diru? Oni nenien povas iri, ne aŭdante mallaŭde paroli pri vi en ĉia maniero; vi estas la fablo kaj la ridobjekto de ĉiuj; kaj oni nur parolas pri vi per la alnomoj avarulo, maldonemulo, malnoblulo kaj procentegulo.

Harpagono (batante Jakobon). Vi estas malsaĝulo, friponego, sentaŭgulo kaj arogantulo.

Jakobo. Nu! Ĉu mi tion ne antaŭdiris? Vi ne volis kredi al mi. Mi ja diris, ke mi vin kolerigus, dirante la veron.

Harpagono. Mi instruos vin paroli.

---

## SCENO VI

VALERO, JAKOBO

VALERO. (ridante). Laŭ tio, kion mi vidas, Jakobo, oni malbone pagas vian verdiremon.

JAKOBO. Per Dio, via noveveninta Moŝto, kiu prezentas sin kiel homon necesan, tio ĉi ne estas via afero. Ridu je la batoj, kiujn vi ricevos, kaj ne ridu je la miaj.

VALERO. Ha! Sinjor' Jakobo, ne koleru, mi petas.

JAKOBO. (flanken). Li cedas. Mi volas ludi la kuraĝulon, kaj se li estas tiel malsaĝa, ke li min timos, mi lin batos iom. (laŭte) Ĉu vi scias, sinjor' ridemulo, ke mi ne ridas, kaj se vi min kolerigas, mi igos vin ridi aliamaniere? (Jakobo puŝas Valeron ĝis la fondo de l' teatro, lin minacante.)

VALERO. He! kviete!

JAKOBO. Kiel, kviete? Tio ne plaĉas al mi.

VALERO. Mi petas.

JAKOBO. Vi estas arogantulo.

VALERO. Sinjor' Jakobo!

JAKOBO. Nenia sinjor' Jakobo helpos. Se mi prenos bastonon, mi vin konvene bategos.

VALERO. Kiel? Bastonon?

(Valero siavice puŝas Jakobon.)

JAKOBO. He! Mi ne diras tion.

VALERO. Ĉu vi scias, sinjor' vantulo, ke mi mem estas kapabla bategi vin?

JAKOBO. Mi ne dubas pri tio.

VALERO. Ke vi entute estas nur malnobla kuiristo?

JAKOBO. Mi scias ĝin ja.

VALERO. Kaj ke vi min ankoraŭ ne konas?

JAKOBO. Pardonu.

VALERO. Vi min batos, vi diras?

JAKOBO. Ŝerce mi tion diris.

VALERO. Kaj al mi ne plaĉas via ŝerco. (frapante Jakobon per bastono) Eksciu, ke vi estas malbona ŝercisto.

JAKOBO (sola.) La pesto forprenu la sincerecon! Ĝi estas malbona metio; de nun mi ĝin forlasas kaj plu ne diros la veron. Permesate estu al mia mastro; li havas kelke da rajto por min bati; sed je tiu sinjor' majordomo mi venĝos min... se mi povos.

---

## SCENO VII

MARIANO, FROZINO, JAKOBO

FROZINO. Ĉu vi scias, Jakobo, ĉu via sinjoro estas hejme?

JAKOBO. Jes, certe li estas; mi scias ĝin nur troe.

FROZINO. Diru al li, mi petas, ke ni estas tie ĉi.

---

## SCENO VIII

MARIANO, FROZINO

MARIANO. Ha! En kia stranga stato mi trovas min, Frozino, kaj por diri kion mi pensas, kiel multe mi timas tiun vidon!

FROZINO. Sed pro kio? Kion vi timas?

MARIANO. Ha! Ĉu vi ĝin demandas? Ĉu vi ne komprenas la malkvieton de persono tuj vidonta la turmentilon, al kiu oni ŝin kondukas?

FROZINO. Mi vidas ja ke, por morti agrable, Harpagono ne estas la ekzekutilo, kiun vi volus elekti; kaj mi komprenas el via vizaĝo, ke la juna blondulo, pri kiu vi parolis al mi, revenas en vian penson.

MARIANO. Jes. Frozino, tion ĉi mi ne volas nei; kaj mi konfesas, ke la respektaj vizitoj, kiujn li faris al mi, iom impresis mian animon.

Frozino. Sed ĉu vi eksciis, kiu li estas?

Mariano. Ne, mi ne scias, kiu li estas, sed mi scias, ke li havas mienon tian, ke oni lin amu; ke, se oni lasus min elekti, mi lin akceptus prefere ol kiun ajn, kaj ke li ne malmulte kunhelpas, por igi min rigardi, kiel teruran turmentilon, la edzon, kiun oni volas doni al mi.

Frozino. He! Ĉiuj tiuj blonduloj estas agrablaj, kaj babiladas tre lerte; sed la plej multaj estas malriĉaj kiel ratoj. Kaj estas pli bone por vi preni maljunan edzon, kiu donos al vi multe da posedaĵo. Mi konfesas, ke la sentoj ne trovas ĉe tiuj ĉi tiel grandan plezuron, kaj ke oni devas ja suferi kelkajn negravajn naŭzaĵojn kun tia edzo; sed tio ĉi ne longe daŭros, kaj kredu al mi, lia morto baldaŭ ebligos al vi preni alian edzon pli amindan, kiu rebonigos ĉion.

Mariano. Dio mia! Frozino, ĝi estas stranga situacio kiam, por fariĝi feliĉa, oni devas deziri aŭ atendi ies morton! Kaj la morto ne konformiĝas al ĉiuj niaj projektoj.

Frozino. Ĉu vi ŝercas? Vi edziniĝas je li nur sub la kondiĉo, ke li baldaŭ lasos vin vidvina, kaj tio ĉi devas esti unu el la paragrafoj de l' kontrakto. Tre aroganta li estus, se li ne mortus antaŭ tri monatoj. Jen li mem venas.

Mariano. Ha! Frozino, kia vizaĝo!

---

## SCENO IX

### HARPAGONO, MARIANO, FROZINO

Harpagono (al Mariano). Ne estu ofendata, belulino, se mi venas al vi kun okulvitroj. Mi scias, ke viaj ĉarmoj sufiĉe trafas la okulojn, sufiĉe estas videblaj per si mem, kaj ke oni ne bezonas okulvitrojn, por ilin vidi; tamen per okulvitroj oni observas la stelojn; kaj mi pretendas kaj certigas, ke vi estas stelo, la plej bela stelo staranta en la stelarlando...

Frozino, ŝi nenian vorton respondas, kaj ŝajnas al mi, ke ŝi ne montras ĝojon, min vidante?

FROZINO. Ĉar ŝi estas ankoraŭ tute konfuzita; plie la fraŭlinoj ĉiam hontas por tuj montri tion, kion ili sentas en l' animo.

HARPAGONO (al Frozino.) Vi estas prava, (al Mariano) Bela ĉarmulino, jen venas mia filino por vin saluti.

---

## SCENO X

HARPAGONO, ELIZO, MARIANO, FROZINO

MARIANO. Mi malfrue venas, Fraŭlino, por fari al vi tian viziton.

ELIZO. Vi faris tion, Fraŭlino, kion mi mem devus fari, kaj mia devo estus viziti vin unue.

HARPAGONO. Vi vidas, ke ŝi estas jam alta; ĉar malbona herbo rapide kreskas.

MARIANO (mallaŭte al Frozino.) Ho! la malplaĉa homo!

HARPAGONO (al Frozino.) Kion diras la belulino?

FROZINO. Ke ŝi trovas vin admirinda.

HARPAGONO. Vi faras al mi troan honoron, adorinda ĝentilulino.

MARIANO (flanken.) Kia besto!

HARPAGONO. Mi tre dankas al vi pro tiuj ĉi sentoj.

MARIANO (flanken.) Mi ne povas plu tion elporti.

---

## SCENO XI

HARPAGONO, MARIANO, ELIZO, KLEANTO
VALERO, FROZINO, BRINDAVOINE

HARPAGONO. Jen venas ankaŭ mia filo por prezenti al vi sian respekton.

MARIANO (mallaŭte al Frozino.) Ha, Frozino, kia renkontiĝo! Estas precize tiu, pri kiu mi parolis al vi.

FROZINO (al Mariano.) L'aventuro estas mirinda.

HARPAGONO. Mi vidas, ke vi miras tial, ke mi havas tiel grandajn gefilojn; sed mi baldaŭ estos liberigita de ambaŭ.

KLEANTO (al Mariano.) Fraŭlino, por diri al vi la veron, tio ĉi estas okazo, kiun mi tute ne atendis; kaj mia patro ne malmulte surprizis min, dirante al mi hodiaŭ sian projekton.

MARIANO. Mi povas diri same : tiu ĉi neatendita renkonto min surprizis tiel multe kiel vin; kaj mi tute ne antaŭvidis tian aventuron.

KLEANTO. Estas vere, Fraŭlino, ke mia patro ne povus fari pli belan elekton, kaj ke estas por mi granda ĝojo, havi la honoron vin vidi; sed malgraŭ ĉio, mi ne certigos al vi, ke mi ĝojas pri via intenco, se vi deziras fariĝi mia duonpatrino. La gratuldiro, mi konfesas, estas iom tro malfacila por mi, kaj tio ĉi estas titolo, kiun mi ne deziras al vi. Mian paroladon kelkaj personoj eble trovos malĝentila, sed mi estas certa, ke vi ĝin komprenos kiel estas konvene; ĉar tio ĉi estas edziĝo, al kiu vi pensas ja, ke mi estas malinklina, kaj, sciante kiu mi estas, vi ankaŭ scias kiel forte ĝi malhelpas miajn projektojn kaj vi fine permesos al mi diri, kun la permeso de mia patro, ke se tio ĉi dependus de mi, ne efektiviĝus tiu edziĝo.

HARPAGONO. Jen estas tre aroganta komplimento! Bela konfeso por fari al ŝi!

MARIANO. Kiel respondo, mi devas diri al vi, ke niaj situacioj estas tre similaj. Se vi sentas vin malinklina ricevi min, kiel vian duonpatrinon, mi sendube ne pli inklina estas havi vin kiel duonfilon. Ne pensu vi, mi petas, ke mi mem penas fari al vi tiun malĝojon. Mi tre bedaŭrus kaŭzi al vi malplezuron; kaj mi ĵuras, ke mi ne konsentos je tiu ĉi edziniĝo, kiu vin ĉagrenas, se al ĝi ne devigos min nekontraŭstarebla potenco.

HARPAGONO. Ŝi estas prava; malsaĝa komplimento postulas

samspecan respondon. Mi petas vin, belulino, pardoni l' arogantecon de mia filo; li estas juna malsaĝulo, kiu ankoraŭ ne komprenas la gravecon de siaj vortoj.

Mariano. Mi promesas, ke tio, kion li diris, tute ne ofendis min; kontraŭe li faris al mi plezuron, montrante tiel siajn verajn sentojn. Plaĉas al mi tiaspeca konfeso de li; kaj mi lin malpli ŝatus, se li estus parolinta aliamaniere.

Harpagono. Estas granda boneco de via flanko, tiel klopodi por senkulpigi liajn kulpojn. La tempo faros lin pli saĝa, kaj vi vidos, ke liaj sentoj ŝanĝiĝos.

Kleanto. Ne, patro, mi ne estas kapabla ŝanĝiĝi, kaj mi petegas ŝian fraŭlinan moŝton, ke ŝi tion ĉi kredu.

Harpagono. Vidu kian frenezon! Li daŭrigas ankoraŭ pli forte.

Kleanto. Ĉu vi volas, ke mi perfidu mian koron?

Harpagono. Denove! Ĉu vi faros la komplezon ŝanĝi vian manieron de parolado?

Kleanto. Nu! Ĉar vi volas, ke mi parolu aliamaniere: Permesu, Fraŭlino, ke mi prenu tie ĉi la lokon de mia patro, kaj konfesu al vi, ke mi neniam vidis en la mondo ion tiel ĉarman kiel vi, ke mi nenion povas imagi egalan al la ĝojo plaĉi al vi, kaj ke la titolo de edzo via estas gloro kaj feliĉo, kiujn mi preferus al la sorto de la plej grandaj princoj de la tero. Jes, Fraŭlino, la feliĉo posedi vin estas, laŭ mia opinio, la plej bela el ĉiuj feliĉoj; al tio celas ĉiuj miaj deziroj. Nenio estas, kion mi ne estus kapabla fari por tiel trezora akiro; kaj la plej potencaj kontraŭaĵoj...

Harpagono. Moderigu vin, mia filo, mi petas...

Kleanto. Tio estas komplimento, kiun por vi mi faras al ŝia fraŭlina Moŝto.

Harpagono. Dio! mi, havas langon por paroli mem, kaj mi ne bezonas advokaton kiel vi. Nu, donu seĝojn.

Frozino. Ne; estos pli bone se ni tuj iros al la foiro, por ke ni revenu pli frue kaj havu poste plenan tempon por interparoladi.

HARPAGONO (al Brindavoine). Oni do jungu la ĉevalojn al la kaleŝo.

---

## SCENO XII

HARPAGONO, MARIANO, ELIZO, KLEANTO, VALERO, FROZINO.

HARPAGONO (al Mariano). Mi petas vin pardoni al mi, belulino, ke mi ne pensis doni al vi kelkan manĝaĵeton antaŭ ol vi eliros.

KLEANTO. Mi zorgis pri tio, patro; mi alportigis tien ĉi kelkajn korbojn da ĥinaj oranĝoj, dolĉaj citronoj kaj konfitaĵoj, kiujn mi mendis en via nomo.

HARPAGONO (mallaŭte al Valero). Valero!

VALERO (al Harpagono). Li perdis la prudenton.

KLEANTO. Ĉu vi trovas, mia patro, ke tio ĉi ne sufiĉas? Ŝia fraŭlina Moŝto havos la bonecon pardoni al ni.

MARIANO. Tio ĉi ne estis necesa.

KLEANTO. Ĉu vi vidis iam, Fraŭlino, diamanton pli luman ol tiu ĉi sur la fingro de mia patro?

MARIANO. Estas vere, ke ĝi tre brilas.

KLEANTO (forprenante la ringon de l'fingro de sia patro kaj donante ĝin al Mariano). Estas necese, ke vi ĝin vidu proksime.

MARIANO. Ĝi estas tre bela, sendube, kaj ĵetas multe da fajreroj.

KLEANTO (sin metante antaŭ Marianon, kiu volas redoni la ringon). Ne, Fraŭlino, ĝi estas en tro belaj manoj; ĝi estas donaco, kiun mia patro faras al vi.

HARPAGONO. Mi?

KLEANTO. Ĉu ne estas vere, patro, ke vi volas, ke ŝia fraŭlina Moŝto ĝin konservu pro amo al vi?

HARPAGONO (mallaŭte al sia filo). Kiel?

KLEANTO (al Mariano). Bela demando! Li signas al mi, ke mi akceptigu ĝin al vi.

MARIANO. Mi ne volas...
KLEANTO (al Mariano). Ĉu vi ŝercas? Li neniel volas repreni ĝin.
HARPAGONO (flanken). Mi furiozas.
MARIANO. Tio estus...
KLEANTO (ĉiam malhelpante Marianon redoni la ringon). Ne, mi diras al vi, tio estus ofendi lin.
MARIANO. Permesu...
KLEANTO. Neniel.
HARPAGONO (flanken). Per la pesto!...
KLEANTO (al Mariano). Li komencas ĉagreniĝi pro via malakcepto.
HARPAGONO (mallaŭte al sia filo). Ha! Perfidulo!
KLEANTO (al Mariano). Vi vidas, ke li malesperiĝas.
HARPAGONO (al Kleanto, minacante lin). Vi turmentisto!
KLEANTO. Mia patro. Tio ne estas mia kulpo; mi faras ĉion, kion mi povas, por ke ŝi konservu ĝin; sed ŝi estas obstina.
HARPAGONO (mallaŭte al sia filo, kun gestoj koleraj). Kanajlo!
KLEANTO. Vi estas kaŭzo, Fraŭlino, ke mia patro malpacas kun mi.
HARPAGONO (mallaŭte al sia filo, kun la samaj gestoj). Friponego!
KLEANTO (al Mariano). Vi faros lin malsana. Mi petegas, Fraŭlino, ne rifuzu plu.
FROZINO (al Mariano). Per Dio! kiom da ceremonioj! Konservu la ringon, ĉar tiu sinjoro deziras tion.
MARIANO (al Harpagono). Por ne kolerigi vin, mi ĝin konservas nun, kaj elektos pli oportunan tempon por redoni ĝin al vi.

---

## SCENO XIII

HARPAGONO, MARIANO, ELIZO, KLEANTO, VALERO FROZINO, BRINDAVOINE

BRINDAVOINE. Sinjoro! Jen estas homo, kiu volas paroli kun vi.
HARPAGONO. Diru al li, ke mi estas okupita, ke li revenu pli malfrue.

Brindavoine. Li diras, ke li alportas monon al vi.

Harpagono (al Mariano). Mi petas pri pardono; mi tuj revenos.

---

## SCENO XIV

HARPAGONO, MARIANO, ELIZO, KLEANTO, VALERO FROZINO, LA MERLUCHE

La Merluche (kurante kaj faligante Harpagonon). Sinjoro...

Harpagono. Ha! Mi estas mortinta!

Kleanto. Kio estas, patro? Ĉu vi vundiĝis?

Harpagono. Tiu perfidulo certe ricevis monon de miaj ŝuldantoj, por rompigi al mi la kolon.

Valero (al Harpagono). Tio ne estos grava.

La Merluche (al Harpagono). Sinjoro, mi petas pri pardono; mi pensis fari bone alkurante rapide.

Harpagono. Pro kio vi venas tien ĉi, turmentisto?

La Merluche. Por diri al vi, ke ambaŭ viaj ĉevaloj perdis siajn hufferaĵojn.

Harpagono. Oni konduku ilin rapide al la hufferisto.

Kleanto. Ĝis ili estos pretaj, mi vin anstataŭos kiel dommastro kaj kondukos ŝian fraŭlinan Moŝton en la ĝardenon, kien mi portigos la manĝaĵeton.

---

## SCENO XV

HARPAGONO, VALERO

Harpagono. Valero, havu la okulojn sur ĉion tion, kaj penu, mi petas, savi la eble plej multon, por ĝin redoni al la vendisto.

Valero. Mi ĝin faros.

Harpagono (sola). Ho! aroganta filo! Ĉu vi do volas ruinigi min!

# AKTO IV

## SCENO I

KLEANTO, MARIANO, ELIZO, FROZINO

KLEANTO. Ni eniru tien ĉi; al ni estos multe pli oportune; ĉirkaŭ ni ne estas plu iu suspektinda, kaj ni povas interparoli senĝene.

ELIZO. Jes, Fraŭlino, mia frato konfidis al mi la pasion, kiun li sentas por vi. Mi scias la ĉagrenojn kaj la malĝojojn, kiujn povas kaŭzi tiaj okazoj; kaj mi certigas, ke mi kun grandega simpatio interesas min por via aventuro.

MARIANO. Dolĉa konsolo estas por mi la simpatio de persono kiel vi, kaj mi petegas vin, Fraŭlino, ke vi ĉiam konservu por mi tiun afablan amikecon, tiel kapablan dolĉigi al mi la kruelecon de la sorto.

FROZINO. Vi estas vere malfeliĉuloj, ambaŭ, ne sciiginte min pli frue pri via afero. Mi sendube povus eviti al vi tiun maltrankvilon, kaj mi ne estus kondukinta la aferojn al la nuna stato.

KLEANTO. Kion vi volas? mia malbona sorto ĝin ordonis. Sed, bela Mariano, kiaj estas viaj intencoj?

MARIANO. Ho ve! Ĉu mi estas kapabla havi intencojn en mia dependeco? Mi povas nur havi dezirojn.

KLEANTO. Nenia plua apogo por mi en via koro, krom simplaj deziroj? Nenia kompleza kompato? Nenia helpanta boneco? Nenia agema amo?

MARIANO. Kion mi povus diri? Imagu vin en mia loko, kaj vidu, kion mi povas fari. Decidu, ordonu vi mem; mi fidas je vi, kaj mi pensas, ke vi estas tro prudenta, por postuli de mi ion, kion ne permesos la honoro kaj la deco.

KLEANTO. Ha! Al kio vi devigas min, resendante min al tio, kion volos permesi al mi la maloportunaj sentoj de severa honoro kaj de konscienca deco!

MARIANO. Sed kion vi volas, ke mi faru? Eĉ se mi povus preterlasi multajn devojn, al kiuj nia sekso estas devigita, mi portas tamen respekton al mia patrino; ŝi ĉiam min edukis kun ekstrema amo, kaj mi ne povus konsenti fari al ŝi malplezuron. Faru, agu kontraŭ ŝi; penadu per ĉiuj fortoj gajni ŝian animon; vi povas fari kaj diri ĉion, kion vi volos; mi ĝin permesas al vi; kaj se sufiĉas, ke mi klarigu min favora al vi, mi konsentas konfesi mem al ŝi mian tutan senton por vi.

KLEANTO. Frozino, kara Frozino, ĉu vi volus helpi al ni?

FROZINO. Per mia honoro, ĉu vi bezonas demandi pri tio? Mi ĝin volus per mia tuta koro. Vi scias, ke mi de naturo estas sufiĉe homama. La ĉielo ne donis al mi koron el bronzo, kaj mi eĉ tro inklina estas, fari malgrandajn servojn, kiam mi vidas personojn amantaj unu la alian dece kaj honeste. Kion ni povus fari ĉe tio ĉi?

KLEANTO. Pensu iom pri tio, mi petas.

MARIANO. Lumigu nin per via sperto.

ELIZO. Eltrovu ion por malfari, kion vi faris.

FROZINO. Tio ĉi estas iom malfacila; (al Mariano) Rilate vian patrinon, ŝi ne estas tute malprudenta; kaj oni eble sukcesus konvinki ŝin, kaj decidigi ŝin transporti al la filo la donacon, kiun ŝi volas fari al la patro. (al Kleanto) Sed la kontraŭaĵo, kiun mi vidas, estas, ke via patro estas via patro.

KLEANTO. Kompreneble.

FROZINO. Mi volas diri, ke li restos ĉagrenita, se li vidos, ke oni lin malakceptas, kaj pro tio li ne estos inklina konsenti

je via edziĝo. Por fari bone, estus necese, ke la forlaso venu de li mem; ni devus klopodi per ia maniero mallogi lin de via persono.

KLEANTO. Vi estas prava.

FROZINO. Jes, mi estas prava, mi scias tion. Tiel estus necese, sed la malfacilaĵo estas trovi la rimedon. Atendu... Se ni havus ian virinon iom maljunetan, kiu estus lerta kiel mi, kaj kapabla ludi la rolon de nobela sinjorino, kun helpo de rapide aranĝita vestaĵo, kaj de stranga nomo de markizino aŭ de vicgrafino, kiun ni supozus veninta el la malsupra Britonujo, mi havus sufiĉan lertecon por kredigi vian patron, ke ŝi estas riĉa virino posedanta, ekster siaj domoj, cent mil eskudojn en kontanta mono; ke ŝi lin amas freneze kaj deziras fariĝi lia edzino, donante eĉ al li sian tutan posedaĵon per edziĝa kontrakto; mi ne dubas, ke li akceptus tian proponon. Ĉar fine li amas vin tre forte, mi scias ĝin; sed li amas iom pli la monon; kaj kiam, blindigita per tiu allogaĵo, li estos konsentinta al tio, kio vin tuŝas, ne estus grave, se li poste disreviĝus, volante trarigardi pli proksime la aferojn de nia markizino.

KLEANTO. Tio ĉi estas bone elpensita.

FROZINO. Lasu min fari. Mi ĵus rememoris unu el miaj amikinoj; ŝi estas tio, kion ni bezonas.

KLEANTO. Estu certa, Frozino, pri mia danksento, se vi sukcesos en tio. Sed, ĉarma Mariano, ni komencu, mi petas, favorigante vian patrinon. Tre grave estos jam rompi tiun edziĝon. Mi petegas vin, donu al tio ĉi viaflanke ĉiujn viajn penadojn. Uzu la potencon, kiun liveras al vi ŝia amikeco por vi. Malvolvu sen ia escepto la elokventan belecon kaj la ĉiopovajn ĉarmojn, kiujn la ĉielo metis en viajn okulojn kaj buŝon; kaj volu forgesi neniun el tiuj amemaj paroloj, el tiuj dolĉaj petegoj, el tiuj tuŝantaj karesoj, al kiuj mi estas certa, ke oni nenion povus rifuzi.

MARIANO. Mi faros ĉion, kion mi povas, kaj nenion forgesos.

---

## SCENO II

HARPAGONO, KLEANTO, MARIANO, ELIZO, FROZINO

HARPAGONO (nevidate de la aliaj; flanken). Ho! mia filo kisas la manon de sia fariĝonta duonpatrino; kaj la fariĝonta duonpatrino ne forte sin defendas de tio. Ĉu ne estas ia mistero sub tio ĉi?

ELIZO. Jen estas mia patro.

HARPAGONO. La kaleŝo estas tute preta, vi povos iri, kiam vi volos.

KLEANTO. Ĉar vi ne iras, patro, mi volas ilin akompani.

HARPAGONO. Ne; vi restu! ili iros ja solaj, kaj mi bezonas vin.

---

## SCENO III

HARPAGONO, KLEANTO

HARPAGONO. Nu, lasante aparte la duonpatrinecon, kiel ŝajnas al vi tiu persono?

KLEANTO. Kiel ŝi ŝajnas al mi?

HARPAGONO. Jes, pri ŝia mieno, talio, beleco, sprito?

KLEANTO. He! He!

HARPAGONO. Sed plue?

KLEANTO. Por diri la veron, mi ne trovis ŝin tia, kia mi pensis. Ŝi havas ŝajnon de vera koketulino; ŝia talio estas negracia, ŝia beleco negranda, kaj ŝia sprito tre ordinara. Ne pensu, mia patro, ke mi tion diras por mallogi vin de ŝi; ĉar duonpatrino aŭ duonpatrino, al mi plaĉas tiu ĉi tiel bone, kiel ia alia.

HARPAGONO. Vi tamen ĵus diris al ŝi...

KLEANTO. Mi diris al ŝi kelkajn afablaĵojn en via nomo, sed tio estis por fari al vi plezuron.

HARPAGONO. Vi do ne sentus inklinon al ŝi?

KLEANTO. Mi? Tute ne.

HARPAGONO. Mi ĝin bedaŭras, ĉar tio malhelpas projekton, kiu ekvenis al mi en la kapon; vidante ŝin, mi pripensis pri mia aĝo kaj mi ektimis, ke oni eble mallaŭdos min pro mia edziĝo je tiel juna persono. Pro tio mi estus forlasonta mian decidon; tamen, ĉar mi ŝin svatis kaj estas ligita al ŝi per promeso, mi donus ŝin al vi, se ne estus via malinklino kontraŭ ŝi.

KLEANTO. Al mi?

HARPAGONO. Al vi.

KLEANTO. Kiel edzinon?

HARPAGONO. Kiel edzinon.

KLEANTO. Aŭskultu! Estas vere, ke ŝi ne estas tute laŭ mia gusto; sed por fari al vi plezuron, mia patro, mi edziĝos je ŝi, se vi volos.

HARPAGONO. Mi? Mi estas pli prudenta, ol vi pensas; mi ne volas trudi vian inklinon.

KLEANTO. Pardonu min; mi faros tiun ĉi klopodon pro amo al vi.

HARPAGONO. Ne, ne! Edziĝo, en kiu ne estas korinklino, ne povas esti feliĉa.

KLEANTO. Tio ĉi, patro, povas veni poste; kaj oni diras, ke l' amo estas ofte frukto de l' edzeco.

HARPAGONO. Ne, je l' flanko de l' viro oni ne devas riski l' aferon; kaj estas en tio bedaŭrindaj sekvoj, kies kaŭzon mi zorgos eviti. Se vi sentus iom da inklino al ŝi, tio estus bona; mi edzigus vin je ŝi anstataŭ min; sed ĉar ne estas tiel, mi restos ĉe mia unua intenco kaj edziĝos mem je ŝi.

KLEANTO. Nu, patro, ĉar tiel staras la aferoj, mi devas malkovri al vi mian koron, mi devas eldiri al vi mian sekreton. La vero estas, ke mi ŝin amas de l' tago, kiam mi ŝin vidis dum promenado; ke mi intencis hodiaŭ peti ŝin de vi kiel edzinon; kaj mi nur estis detenata de l' esprimo de viaj sentoj kaj la timo malplaĉi al vi.

HARPAGONO. Ĉu vi ŝin vizitis?

KLEANTO. Jes, patro.

HARPAGONO. Multajn fojojn?

KLEANTO. Sufiĉe multajn por la mallonga tempo.

HARPAGONO. Ĉu oni vin akceptis bone?

KLEANTO. Tre bone, sed ne sciante, kiu mi estas; kaj tio ĉi kaŭzis hodiaŭ la surprizon de Mariano.

HARPAGONO. Ĉu vi esprimis al ŝi vian amon kaj vian intencon edziĝi je ŝi.

KLEANTO. Sendube; kaj mi eĉ iom aludis pri tio al ŝia patrino.

HARPAGONO. Ĉu ŝi aŭskultis vian proponon?

KLEANTO. Jes, tre ĝentile.

HARPAGONO. Kaj ĉu la filino respondas al via amo?

KLEANTO. Se mi devas juĝi laŭ la ŝajno, mi estas certa, patro, ke ŝi havas iom da amo por mi.

HARPOGONO (mallaŭte, flanken). Mi estas tre kontenta ekscii tian sekreton; precize tion ĉi mi deziris. (laŭte) Nu, filo mia, ĉu vi scias ion? Vi devas penadi, mi petas, forlasi vian amon, ĉesante vian amindumon al la persono, kiun mi mem intencas preni kiel edzinon, kaj edziĝante baldaŭ je tiu, kiun mi elektis por vi.

KLEANTO. Ha! mia patro! Tiamaniere vi trompas min! Nu! ĉar tiel estas, mi ĵuras, ke mi ne forlasos la amegon, kiun mi portas por Mariano; ke ne estas tiel ekstrema rimedo, kiun mi ne uzos, por konkuri kun vi pri la akiro de ŝi, kaj, se vi havas por vi la konsenton de patrino, mi trovos eble aliajn helpojn, kiuj batalos kune kun mi.

HARPAGONO. Kiel? Kanajlo! Vi kuraĝas konkuri kun mi?

KLEANTO. Estas vi, kiu konkuras kun mi; mi estis la unua laŭ la dato.

HARPAGONO. Ĉu mi ne estas via patro? Ĉu vi ne ŝuldas al mi respekton?

KLEANTO. En tiuj ĉi aferoj la filoj ne estas devigataj obei la patrojn, kaj la amo konas neniun.

HARPAGONO. Per bonaj batoj mi certe igos vin koni min.

KLEANTO. Ĉiuj viaj minacoj neniom helpos.
HARPAGONO. Vi forlasos Marianon.
KLEANTO. Tute ne.
HARPAGONO. Oni donu al mi bastonon, tuj!

---

## SCENO IV

### HARPAGONO, KLEANTO, JAKOBO

JAKOBO. He! He! He! Sinjoroj, kio estas? Kion vi pensas?
KLEANTO. Mi ridas je tio.
JAKOBO (al Kleanto). Ha! Sinjoro, kviete!
HARPAGONO. Al mi paroli kun tia senhonto!
JAKOBO (al Harpagono). Ha! Sinjoro, mi petegas.
KLEANTO. Mi neniel deflankiĝos de tio.
JAKOBO (al Kleanto). Kiel! al via patro!
HARPAGONO. Lasu min fari.
JAKOBO (al Harpagono). Kiel! al via filo! Tio ĉi konvenis por mi.
HARPAGONO. Mi volas fari vin juĝanto en tiu ĉi afero, Jakobo, por montri, kiel prava mi estas.
JAKOBO. Mi konsentas. (al Kleanto) Malproksimiĝu iom.
HARPAGONO. Mi amas knabinon, je kiu mi volas edziĝi, kaj tiu kanajlo havas l'arogantecon ami ŝin samtempe kaj amindumi ŝin malgraŭ miaj ordonoj.
JAKOBO. Ha! li esta malprava.
HARPAGONO. Ĉu ne estas abomene, se filo volas konkuri kun sia patro, kaj ĉu li ne devas, pro respekto, eviti meti sin en miajn inklinojn?
JAKOBO. Vi estas prava. Lasu min paroli kun li kaj restu tie.
KLEANTO (al Jakobo, kiu alproksimiĝas al li). Nu! Bone; ĉar li volas elekti vin kiel juĝanton, mi ne rifuzas; kiu ajn egalvaloras por mi. kaj mi ankaŭ konsentas, Jakobo, fidi al vi pri nia disputo.
JAKOBO. Grandan honoron vi faras al mi.

KLEANTO. Mi portas amon por fraŭlino, kiu respondas al miaj deziroj kaj ĝentile akceptas la proponojn de mia koro; kaj mia patro ekpensas veni kaj ĝeni nian amon, ŝin ankaŭ svatante.

JAKOBO. Li estas malprava, certe.

KLEANTO. Ĉu li ne hontas, en sia aĝo, pensi pri edziĝo? Ĉu decas por li esti amema? Ĉu li ne devus lasi tiun okupon al la junuloj?

JAKOBO. Vi estas prava; li ŝercas; lasu min paroli du vortojn kun li : (al Harpagono.) Nu! via filo ne estas tiel stranga, kiel vi ĝin diras, kaj li refariĝas saĝa; li diras, ke li scias la respekton, kiun li ŝuldas al vi; li nur koleriĝis en la unua flameco, kaj li ne rifuzos submetiĝi je tio, kio plaĉos al vi, se nur vi konsentas trakti lin pli bone, kaj doni al li kiel edzinon personon, kiu povos kontentigi lin.

HARPAGONO. Ha! Diru al li, Jakobo, ke sub tiu kondiĉo li povos esperi ĉion de mi, kaj, krom Mariano, mi lasas lin plene libera elekti tiun, kiun li volos.

JAKOBO. Lasu min fari. (al Kleanto) Nu, via patro ne estas tiel malprudenta, kiel vi lin pentras; li klarigis al mi, ke pro via kolero li ekscitiĝis, kaj li nur riproĉas vian farmanieron; li estas tre inklina konsenti je tio, kion vi deziras, se nur vi volas agi ĝentile kaj montri al li la submetiĝon, respekton, kaj obeemon, kiujn ĉiu filo ŝuldas al sia patro.

HARPAGONO. Ha! Jakobo, vi povas lin certigi, ke, se li fordonos al mi Marianon, li ĉiam trovos min la plej obea el ĉiuj homoj, kaj ke mi neniam faros ion escepte laŭ lia volo.

JAKOBO (al Harpagono). Tio estas farita; li konsentas je tio, kion vi deziras.

HARPAGONO. Tio ĉi estas plejbone.

JAKOBO (al Kleanto). Ĉio estas aranĝita; li estas kontenta je viaj promesoj.

KLEANTO. Dank' al la ĉielo!

JAKOBO. Sinjoroj. Vi nur bezonas interparoli kune, ĉar vi nun konsentas; vi estis tuj malpaciĝontaj pro malkompreniĝo.

KLEANTO. Mia kara Jakobo, mi estos danka al vi dum mia tuta vivo.

JAKOBO. Ne estas kaŭzo por tio.

HARPAGONO. Vi faris al mi plezuron, Jakobo, kaj tio ĉi meritas rekompencon : (Harpagono serĉas en sia poŝo, Jakobo prezentas la manon, sed Harpagono eltiras nur sian poŝtukon kaj diras) Mi promesas memori ĝin.

JAKOBO. Mi kisas al vi la manojn.

---

## SCENO V

### HARPAGANO, KLEANTO

KLEANTO. Mi petas vin pardoni al mi la ekscitiĝon, kiun mi vidigis.

HARPAGONO. Ĝi estas nenio.

KLEANTO. Mi certigas vin, ke mi ĝin treege bedaŭras.

HARPAGONO. Kaj mi estas treege kontenta vidi vin tiel saĝa.

KLEANTO. Kiel bona vi estas, ĉar vi tiel rapide forgesas mian kulpon!

HARPAGONO. Oni facile forgesas la kulpojn de siaj infanoj, kiam ili revenas al sia devo.

KLEANTO. Kiel! Vi ne konservas ian koleron pro ĉiuj miaj malsaĝaĵoj?

HARPAGONO. Vi devigas min al tio per la submetiĝo kaj la respekto, en kiujn vi metas vin.

KLEANTO. Mi promesas, patro, ke ĝis la tombo mi konservos en mia koro la memoron pri via boneco.

HARPAGONO. Kaj mi promesas, ke nenia afero estas, kiun vi ne ricevos de mi.

KLEANTO. Ha! patro, mi ne postulas ion plu; vi donis ja sufiĉe al mi, donante Marianon.

HARPAGONO. Kiel?

KLEANTO. Mi diras, patro, ke mi jam tro kontenta estas, kaj

mi ĉion trovas en via boneco, kiam vi forđonas al mi Marianon.

HARPAGONO. Kiu parolas pri la fordono al vi de Mariano?

KLEANTO. Vi, patro.

HARPAGONO. Mi?

KLEANTO. Sendube.

HARPAGONO. Kiel? Estas vi, kiu promesis ŝin forlasi.

KLEANTO. Mi ŝin forlasi?

HARPAGONO. Jes.

KLEANTO. Tute ne.

HARPAGOMO. Vi ne ĉesis deziri ŝin?

KLEANTO. Kontraŭe, mi deziras ŝin pli ol iam.

HARPAGONO. Kiel, kanajlo, denove?

KLEANTO. Nenio povas min ŝanĝi.

HARPAGONO. Lasu min fari, perfidulo.

KLEANTO. Faru ĉion, kio plaĉos al vi.

HARPAGONO. Mi malpermesas al vi vidi min iam.

KLEANTO. Des pli bone.

HARPAGONO. Mi vin forlasas.

KLEANTO. Forlasu.

HARPAGONO. Mi malkonfesas vin kiel filon.

KLEANTO. Tiel estu!

HARPAGONO. Mi vin malheredontigas.

KLEANTO. Tiom, kiom vi volos.

HARPAGONO. Kaj mi donas al vi mian malbenon.

KLEANTO. Mi ne bezonas viajn donacojn.

---

## SCENO VI

### KLEANTO, LA FLÈCHE

LA LÈCHE (elirante el la ĝardeno kun kaseto). Ha! Sinjoro; kiel ĝustatempe mi trovas vin! Sekvu min rapide.

KLEANTO. Kio estas?

La Flèche. Sekvu min, ni estas feliĉaj.
Kleanto. Kiel?
La Flèche. Jen estas via afero.
Kleanto. Kio?
La Flèche. Mi embuskis por tio dum la tuta tago.
Kleanto. Kio estas tio?
La Flèche. La trezoro de via patro, kiun mi ekkaptis.
Kleanto. Kiel vi faris?
La Flèche. Vi scios ĉion. Ni forkuru; mi aŭdas lin krianta.

---

## SCENO VII

HARPAGONO (kriante en la ĝardeno.)

Ŝtelisto! Ŝtelisto! Oni mortigas! buĉas! Justeco! Justa ĉielo! Mi pereis, mi estas mortigita; oni tranĉis al mi la gorĝon, oni forrabis de mi mian monon. Kiu li povas esti? Kien li pasis? Kie li estas? Kie li sin kaŝas? Kion mi faros por trovi lin? Kien kuri? Kien ne kuri? Ĉu li ne estas tie? Ĉu ne tie ĉi? Kiu estas? Arestu! (al si mem, prenante al si la brakon) Redonu mian monon, kanajlo... Ha! ĝi estas mi... Mia animo estas konfuzita kaj mi ne scias, kie mi staras, kiu mi estas, kaj kion mi faras. Ho ve! mia mizera mono, mia mizera mono, mia kara amiko, oni senigis min je vi; kaj ĉar oni vin forprenis de mi, mi perdis mian subtenon, mian konsolon, mian ĝojon; ĉio estas finita por mi, kaj mi nenion plu havas por fari en la mondo! Sen vi mi ne povas vivi. Ĉio estas perdita; mi ne vivas plu, mi mortas, mi estas mortinta, mi estas enterigita. Ĉu ne estas iu, kiu volos revivigi min, redonante al mi mian monon aŭ dirante, kiu ĝin prenis? He! Kion vi diras? Estas neniu. Kiu ajn tion faris, li devas esti tre zorge observinta la horon, kaj elektinta ĝuste la tempon, kiam mi parolis kun mia perfida filo. Ni eliru! Mi volas venigi la juĝistaron kaj turmentigi mian

tutan domon, servistinojn, lakeojn, filon, filinon kaj ankaŭ min.

Kiom da personoj kuniĝintaj! Mi ne vidas iun, kiu ne elvekas miajn suspektojn, kaj ĉiu ŝajnas esti mia ŝtelisto. He! pri kio oni parolas tie? Pri tiu, kiu min priŝtelis? Kian bruadon oni faras tie supre? Ĉu tie estas mia ŝtelisto? Pro kompato, se oni scias novaĵon pri mia ŝtelisto, mi petegas, ke oni ĝin diru al mi. Ĉu li ne estas kaŝita inter vi? Ili ĉiuj rigardas min kaj komencas ridi. Vi vidos, ke ili sendube portoprenis en la ŝtelo, kiun mi suferis. Nu rapidu! komisaroj, pafarkistoj, policistoj, juĝistoj, turmentiloj, pendigiloj kaj ekzekutistoj. Mi volas, ke oni pendigu ĉiujn, kaj se mi ne retrovos mian monon, mi poste pendigos min mem.

---

# AKTO V

———

## SCENO I

HARPAGONO, KOMISARO

LA KOMISARO. Lasu min fari; mi scias mian metion, dank'al Dio. Ne estas hodiaŭ la unua fojo, kiam mi min okupas je la malkovro de ŝteloj; kaj mi dezirus havi tiom da sakoj da mil frankoj, kiom da personoj mi pendigis.

HARPAGONO. Estas l'intereso de ĉiuj juĝistoj, preni en siajn manojn tiun aferon; kaj se oni ne retrovigos al mi mian monon, mi ankaŭ procesos kontraŭ la juĝistaro.

LA KOMISARO. Oni devas fari ĉiujn necesajn esplorojn. Vi diras, ke estis en tiu kaseto...

HARPAGONO. Dek mil eskudoj bone kalkulitaj.

LA KOMISARO. Dek mil eskudoj!

HARPAGONO. Dek mil eskudoj.

LA KOMISARO. La ŝtelaĵo estas grava.

HARPAGONO. Ne ekzistas turmento sufiĉe granda por la graveco de l'krimo; kaj se ĝi restas nepunita, la plej respektaj objektoj jam ne estos en sendanĝereco.

LA KOMISARO. El kiaj moneroj konsistis tiu sumo?

HARPAGONO. El bonaj ormoneroj kaj bonpezaj pistoloj.

LA KOMISARO. Kiun vi suspektas pri tiu ŝtelo?

HARPAGONO. Ĉiujn; mi volas, ke vi arestu urbon kaj antaŭurbon.

La komisaro. Ni devas, se vi fidas al mi, ne timigi iun, kaj penadi akiri kelkajn pruvojn, por ke ni poste rehavu perforte la monerojn, kiujn oni forprenis de vi.

---

## SCENO II

### HARPAGONO, LA KOMISARO, JAKOBO

Jakobo (en la fundo de l'teatro, turnante sin al la flanko, je kiu li eniris). Mi tuj revenos; oni lin buĉu tuj; oni ekrostu al li la piedojn; oni lin brogu en bolanta akvo, kaj lin pendigu je l'plafono.

Harpagono (al Jakobo). Kiun? Tiun, kiu min priŝtelis?

Jakobo. Mi parolas pri laktoporkido, kiun via majordomo ĵus sendis al mi, kaj kiun mi volas prepari laŭ mia bontrovo.

Harpagono. Ne pri tio estas la parolo. Jen estas tiu sinjoro, al kiu vi devas paroli pri io alia.

La komisaro (al Jakobo). Ne timiĝu; mi estas homo, kiu vin ne ĉagrenos, kaj la aferoj fariĝos tute ĝentile.

Jakobo. Tiu ĉi sinjoro partoprenos en la vespermanĝo?

La komisaro. Vi devas, kara amiko, nenion kaŝi al via mastro.

Jakobo. Per mia honoro, Sinjoro, mi montros ĉion, kion mi scias fari, kaj mi regalos vin tiel bone, kiel mi povos.

Harpagono. Tio ĉi ne estas la demando.

Jakobo. Se mi ne donos al vi tiel bonan manĝaĵon, kiel mi volus, en tio estas kulpa sinjor'via majordomo, kiu tranĉetis al mi la flugilojn per la tondilo de sia ŝparemo.

Harpagono. Perfidulo! Ni parolas pri alia afero ol vespermanĝo; mi volas, ke vi diru al mi novaĵojn pri la mono, kiun oni forprenis de mi.

Jakobo. Oni forprenis monon de vi?

Harpagono. Jes, fripono; kaj oni tuj pendigos vin, se vi ĝin ne redonos.

La komisaro. Ne traktu lin malbone; mi vidas el lia mieno, ke li estas honesta homo, kaj ke li, ne devigante nin meti

lin en malliberejon, malkovros al vi tion, kion vi scii volas. Jes, amiko, se vi konfesos la fakton, oni nenion malbonan faros al vi, kaj vi estos rekompencita konvene de via mastro. Oni forprenis hodiaŭ lian monon, kaj vi certe scias ion pri tio.

JAKOBO (mallaŭte, flanken). Jen estas ĝuste la okazo por venĝi min je nia majordomo. De l'tempo, kiam li eniris la domon, li estas la favorato, oni nur aŭskultas liajn konsilojn; kaj mi ankaŭ havas sur la koro la batojn de hodiaŭ.

HARPAGONO. Pri kio vi murmuras?

LA KOMISARO (al Harpagono). Lasu lin fari; li preparas sin kontentigi vin; mi ja diris, ke li estas honesta homo.

JAKOBO. Sinjoro, se vi volas, ke mi diru la veron, mi pensas, ke via kara majordomo tion faris.

HARPAGONO. Valero?

JAKOBO. Jes.

HARPAGONO. Li, kiu ŝajnas tiel fidela al mi?

JAKOBO. Li mem. Mi pensas, ke li priŝtelis vin.

HARPAGONO. Pro kio vi ĝin pensas?

JAKOBO. Pro kio?

HARPAGONO. Jes.

JAKOBO. Mi ĝin pensas pro tio, ke... mi ĝin pensas.

LA KOMISARO. Sed vi devas diri la prisignojn, kiujn vi havas.

HARPAGONO. Ĉu vi vidis lin vaganta ĉirkaŭ la loko, en kiu mi metis mian monon?

JAKOBO. Jes, vere! Kie estis via mono?

HARPAGONO. En la ĝardeno.

JAKOBO. Ĝuste. Mi vidis lin vaganta en la ĝardeno. Kaj en kio estis tiu mono?

HARPAGONO. En kaseto.

JAKOBO. Jen estas l'afero. Mi vidis lin kun kaseto.

HARPAGONO. Kaj kiel estas tiu kaseto? Mi jam vidos, ĉu ĝi estas la mia.

JAKOBO. Kiel ĝi estas?

HARPAGONO. Jes.

JAKOBO. Ĝi estas.. ĝi estas kiel kaseto.

LA KOMISARO. Kompreneble. Sed rakontu iom pri ĝi, por ke ni vidu.

JAKOBO. Ĝi estas granda kaseto...

HARPAGONO. Tiu, kiun oni ŝtelis de mi, estas malgranda.

JAKOBO. Ho! jes, ĝi estas malgranda, se oni ĝin tiel komprenas; sed mi nomas ĝin granda pro tio, kion ĝi enhavas.

LA KOMISARO. Kian koloron ĝi havas?

JAKOBO. Kian koloron?

LA KOMISARO. Jes.

JAKOBO. Ĝi havas koloron..., ja, unu koloron... Ĉu vi ne povus helpi al mi?

HARPAGONO. He!

JAKOBO. Ĉu ĝi ne estas ruĝa?

HARPAGONO. Ne, griza.

JAKOBO. Jes, grizruĝa; tion ĉi mi volis diri.

HARPAGONO. Nenia dubo; tio estas ĝi, certe. Skribu, Sinjoro, skribu lian atestadon. Ĉielo, al kiu de nun sin fidi? Oni ne devas plu ĵuri pri io; kaj post tio ĉi mi juĝas min ankaŭ kapabla priŝteli min mem.

JAKOBO (al Harpagono). Sinjoro, jen li revenas. Ne diru al li, almenaŭ, ke mi malkovris tion al vi.

---

## SCENO III

HARPAGONO, LA KOMISARO, VALERO, JAKOBO.

HARPAGONO, Alproksimiĝu; venu elkonfesi la plej nigran agon, la plej abomenan krimon, kiu plenumiĝis iam.

VALERO. Kion vi volas, Sinjoro?

HARPAGONO. Kiel, perfidulo! Vi ne ruĝiĝas pro via krimo?

VALERO. Pri kia krimo vi parolas?

HARPAGONO. Pri kia krimo mi parolas, kanajlo! Kvazaŭ vi ne scius, kion mi volas diri. Vane vi volas kaŝi ĝin. L'afero

estas malkovrita, kaj oni ĵus min sciigis pri ĉio. Fi! tiel trouzi mian bonecon, kaj penetri en mian domon ĝuste por min perfidi, por min trompi en tia maniero!

VALERO. Sinjoro, ĉar oni ĉion malkovris al vi, mi ne volas serĉi deflankiĝojn kaj nei l'aferon.

JAKOBO (flanken). Ho! Ho! Ĉu mi divenis ĝuste, ne sciante ĝin?

VALERO. Mia intenco estis paroli kun vi pri tio, kaj mi volis atendi, por fari tion, oportunan okazon; sed ĉar tiel estas, mi petegas vin ne koleriĝi kaj voli aŭskulti miajn klarigojn.

HARPAGONO. Kiajn belajn klarigojn vi povas doni al mi, ŝtelisto, kanajlo?

VALERO. Ha! Sinjoro, tiajn alnomojn mi ne meritis. Estas vere, ke mi faris ofendon al vi; sed mia kulpo tamen estas pardonebla.

HARPAGONO. Kiel pardonebla! Tiaspeca insido, mortigo!

VALERO. Mi petegas, ne koloriĝu. Kiam vi estos aŭdinta min, vi vidos, ke la malfeliĉo ne estas tiel granda, kiel vi ĝin diras.

HARPAGONO. La malfeliĉo ne estas tiel granda, kiel mi ĝin diras! Kiel! mia sango, mia internaĵo; kanajlo!

VALERO. Via sango, Sinjoro, ne falis en malbonajn manojn. Mi estas el tia rango, ke mi ĝin ne malhonorigos, kaj nenio estas en tio ĉi, kion mi ne povos konvene rebonigi.

HARPAGONO. Estas ja mia intenco, ke vi redonu, kion vi forŝtelis.

VALERO. Via honoro, Sinjoro, estos plene kontentigita.

HARPAGONO. Ne estas afero de honoro en tio ĉi. Sed, diru al mi; kio vin instigis al tia ago?

VALERO. Ha! Ĉu vi demandas min pri tio?

HARPAGONO. Jes, certe, mi demandas vin pri tio.

VALERO. Diaĵo, kiu senkulpigas ĉion, kion li instigas fari, la Amo.

HARPAGONO. La Amo!

VALERO. Jes.

HARPAGONO. Bela amo, certe, l'amo al miaj ormoneroj!

VALERO. Ne, Sinjoro, ne via riĉeco min allogis, ne tio ĉi min blindigis; kaj mi ĵuras, ke mi nenion petos el ĉiuj viaj posedaĵoj, se nur vi lasos al mi tiun, kiun mi havas.

HARPAGONO. Mi ĝin ne faros, per ĉiuj diabloj; mi certe ne lasos ĝin al vi. Vidu kian arogantecon; li volus konservi la ŝtelaĵon forprenitan de mi!

VALERO. Ĉu vi nomas tion ŝtelaĵo?

HARPAGONO. Ĉu mi nomas tion ŝtelaĵo! Tian trezoron!

VALERO. Trezoro, certe; kaj la plej valora, kiun vi posedas, sendube; sed vi ne ĝin perdos, lasante ĝin al mi. Mi petas ĝin de vi surgenue, tiun ĉarmoplenan trezoron, kaj vi bone faros, donante ĝin al mi.

HARPAGONO. Tion ĉi mi neniel faros! Kion signifas tio ĉi?

VALERO. Ni reciproke promesis fidelan amon, kaj ni ĵuris ne forlasi unu la alian.

HARPAGONO. La ĵuro estas admirinda, kaj la promeso amuza!

VALERO. Jes, ni promesis aparteni por eterne unu al la alia.

HARPAGONO. Mi vin malhelpos ja, mi certigas.

VALERO. Nur la morto povos disigi nin.

HARPAGONO. Tio estas vere diabla pasio por mia mono.

VALERO. Mi jam diris al vi, Sinjoro, ke ne la monavideco instigis min fari tion, kion mi faris. Mia koro ne agis pro la motivoj, kiujn vi pensas, kaj pli nobla intenco inspiris al mi tian decidon.

HARPAGONO. Vi vidos, ke pro kristana bonfaremo li volas havi mian posedaĵon. Sed mi tion reordigos, kaj, senhonta fripono, la juĝistaro tuj venĝos min je ĉio.

VALERO. Vi agos kiel vi volos, kaj mi estas preta elporti ĉiujn perfortajn traktojn, kiuj al vi plaĉos; sed mi petas vin kredi almenaŭ, ke, se en tio estas io malbona, min solan vi devas kulpigi, kaj via filino neniel estas kulpa en ĉio tio ĉi.

HARPAGONO. Mi ĝin ja kredas, certe; estus tre strange, se mia filino partoprenus en tiu krimo. Sed mi volas rehavi mian posedaĵon, kaj vi devas konfesi en kiun lokon vi ĝin forportis.

VALERO. Mi? Mi ne forportis ŝin; ŝi estas ankoraŭ ĉe vi [1].

HARPAGONO (flanken). Ho, mia kara kaseto! (laŭte) Ĝi ne eliris el mia domo?

VALERO. Ne, sinjoro.

HARPAGONO. He! Diru iom; vi ne tuŝis ĝin?

VALERO. Mi ŝin tuŝi! Ha, vi ofendas ŝin tiom, kiom min; mi brulis por ŝi per flamo tute pura kaj respekta.

HARPAGONO (flanken). Li brulis por mia kaseto!

VALERO. Mi volus morti prefere ol montri al ŝi ian ofendantan penson; ŝi estas por tio tro saĝa kaj honesta.

HARPAGONO (flanken). Mia kaseto tro honesta.

VALERO. Ĉiuj miaj deziroj limiĝis en ŝia vido, kaj nenia krima penso makulis la pasion, kiun inspiris al mi ŝiaj belaj okuloj.

HARPAGONO (flanken). La belaj okuloj de mia kaseto! Li parolas pri ĝi kiel amanto pri sia amatino.

VALERO. S^no^ Klaŭdo scias la verecon de tiu aventuro; ŝi povas atesti...

HARPAGONO. Kiel! Mia servistino estas kunkulpa en l' afero!

VALERO. Jes, sinjoro, ŝi atestis al nia promesiĝo; kaj nur eksciinte la honestecon de mia amo, ŝi helpis al mi por decidigi vian filinon, ke ŝi donu al mi sian promeson kaj akceptu mian.

HARPAGONO. He! (flanken) Ĉu la timo de la juĝo lin delirigas? (al Valero) Kion vi enmiksas tie ĉi kun mia filino?

VALERO. Mi diras, ke mi havis ĉiujn eblajn malfacilaĵojn por konsentigi ŝian hontemon al tio, kion volis mia amo.

HARPAGONO. La hontemo de kiu?

VALERO. De via filino; kaj nur hieraŭ ŝi konsentis je nia reciproka subskribo de promeso de edziĝo.

HARPAGONO. Mia filino subskribis al vi promeson de edziĝo?

VALERO. Jes, sinjoro; same kiel mi ankaŭ subskribis al ŝi.

1. La pronomoj « ĝi » kaj « ŝi » havas france la saman formon « *elle* », kio faras pli komprenebla la konfuzon inter Harpagono kaj Valero, parolantaj la unua pri sia kaseto, la alia pri lia filino.

Harpagono. Ho! ĉielo! alia malfeliĉo.

Jakobo (al la komisaro). Skribu, Sinjoro, skribu!

Harpagono. Pliiĝo de malbono, kresko de malespero! (al la komisaro) Nu, Sinjoro, faru la devon de via ofico kaj skribu kulpigon kontraŭ li kiel ŝtelisto kaj delogisto.

Jakobo. Kiel ŝtelisto kaj delogisto.

Valero. Tiajn alnomojn mi ne meritas; kaj kiam oni scios, kiu mi estas...

---

## SCENO IV

HARPAGONO, ELIZO, MARIANO, VALERO, FROZINO, JAKOBO, LA KOMISARO

Harpagono. Ha! fripona filino! malinda de tia patro kiel mi! Tiamaniere vi profitas la instruadon, kiun mi donis al vi? Vi lasas vin kaptiĝi de amo por kanajla ŝtelisto kaj forpromesas vian koron, ne petinte pri mia konsento! Sed vi ambaŭ estos trompitaj. (al Elizo) Kvar fortaj muroj respondos al mi por via konduto (al Valero) Kaj bona pendigilo, senhonta fripono! punos vin pro via aroganteco.

Valero. Ne via pasio juĝos l' aferon; kaj oni almenaŭ min aŭskultos, antaŭ ol kondamni min.

Harpagono. Mi eraris dirante « pendigilo »; vi estos tute viva ligata al rado [1].

Elizo. (Surgenue antaŭ Harpagono.) Ha! mia patro, havu pli homajn sentojn, mi petegas; kaj ne pelu la aferojn ĝis la ekstrema severeco de la patra povo. Ne lasu la unuan movon de kolero forkonduki vin, kaj prenu la tempon por bone pripensi pri tio, kion vi faros. Penadu koni pli bone tiun, pro kiu vi koleras. Li estas tute alia, ol vi lin juĝas, kaj vi

1. Rado = antikva turmento, en kiu, rompinte la brakojn kaj piedojn de kondamnito, oni lin alligis sur rado.

malpli miros, ke mi donis min al li, kiam vi scios ke, sen li, jam de longe vi plu ne havus min. Jes, patro, ĝi estas li, kiu min savis el tiu granda danĝero, de kiu mi estis minacata en la akvo; kaj al li vi ŝuldas la vivon de tiu filino, kies. .

HARPAGONO. Ĉio tio estas nenio; estus pli bone por mi, se li lasus vin droni kaj ne farus tion, kion li faris.

ELIZO. Mia patro, mi petegas vin pro la patra amo, ke vi...

HARPAGONO. Ne, ne, mi nenion volas aŭdi; estas necese, ke la juĝistaro plenumu sian devon.

JAKOBO (flanken). Vi pagos al mi por la ricevitaj batoj.

FROZINO (flanken). Tio ĉi estas stranga embaraso.

---

## SCENO V

ANSELMO, HARPAGONO, ELIZO, MARIANO, FROZINO, VALERO, LA KOMISARO, JAKOBO

ANSELMO. Kio estas, sinjor' Harpagono? Mi vidas vin tute ekscitita.

HARPAGONO. Ha! sinjor' Anselmo, vi vidas en mi la plej malfeliĉan el ĉiuj homoj, kaj jen estas multe da konfuzo kaj malordigo en la kontrakto, pro kiu vi venas. Oni mortigas min en la propraĵo; oni mortigas min en la honoro; jen estas perfidulo, kanajlo, kiu malrespektis la plej sanktajn rajtojn; li penetris en mian domon sub la masko de servisto, por ŝteli mian monon kaj delogi mian filinon.

VALERO. Kiu pensas pri via mono, pri kiu vi parolas tian konfuzaĵon?

HARPAGONO. Jes, ili donis unu al la alia promeson de edziĝo. Tiu ĉi ofendo koncernas vin, sinjor'Anselmo, kaj vi devas procesi kontraŭ li kaj fari je viaj elspezoj ĉiujn juĝajn persekutojn, por venĝi vin je lia aroganteco.

ANSELMO. Mi ne intencas edziĝi perforte kaj postuli koron,

kiu sin jam fordonis. Sed viajn interesojn mi estas preta por defendi kiel miajn proprajn.

Harpagono. Jen estas tiu sinjoro, kiu estas honesta komisaro kaj nenion forgesos, laŭ tio, kion li mem diris al mi, pri la farado de sia ofico. (al la komisaro, montrante Valeron) Kulpigu lin dece, Sinjoro, kaj faru la fakton tre krima.

Valero. Mi ne komprenas, pri kia krimo oni povas kulpigi min pro la pasio, kiun mi havas al via filino, nek al kia turmento vi volus kondamnigi min pro nia promesiĝo, kiam oni scios, kiu mi estas.

Harpagono. Mi mokas je ĉiuj tiuj rakontoj, kaj la nuna mondo estas plena je tiuj ŝtelistoj de nobleco, je tiuj trompistoj, kiuj profitas sian nekonatecon kaj sin vestas arogante per la unua fama nomo, kiun ili ekpensas preni.

Valero. Eksciu, ke mia koro estas tro alta, por ke mi min ornamu per io, kio ne apartenas al mi, kaj la tuta Napolo povas doni ateston pri mia rango.

Anselmo. Haltu! Atentu kion vi diros. Vi riskas tie ĉi pli ol vi pensas; vi parolas antaŭ homo, kiu konas la tutan Napolon, kaj povos facile vidi klare en la rakonto, kiun vi faros.

Valero. Mi ne estas homo por timi ion; kaj se Napolo estas konata de vi, vi scias, kiu estis sinjor'Tomaso d'Alburci.

Anselmo. Sendube, mi scias: kaj malmultaj personoj lin konis pli bone ol mi.

Harpagono. Mi ne pli zorgas pri sinjor'Tomaso ol pri sinjor' Martino. (Ekvidinte, ke du kandeloj brulas, Harpagono estingas unu.)

Anselmo. Mi petegas, lasu lin paroli; ni vidu, kion li per tio volas diri.

Valero. Mi volas diri, ke al li mi ŝuldas la vivon.

Anselmo. Al li?

Valero. Jes.

Anselmo. Iru, vi mokas. Serĉu ian alian rakonton, kiu povos prosperi pli bone, kaj ne penadu vin savi per tiu ĉi trompo.

Valero. Volu paroli pli konvene. Tio ĉi ne estas trompo, kaj mi ne diras ion, kion mi ne povos facile pruvi.

ANSELMO. Kiel! Vi riskas diri, ke vi estas la filo de sinjoro Tomaso d'Alburci.

VALERO. Jes, mi ĝin riskas, kaj estas preta por defendi tiun veraĵon kontraŭ kiu ajn.

ANSELMO. La kuraĝo estas mirinda! Eksciu, por konfuzi vin, ke jam de almenaŭ dekses jaroj, la homo, pri kiu vi parolas, pereis sur la maro kun siaj infanoj kaj edzino, dum ili penadis savi siajn vivojn el la kruelaj persekutoj, kiuj akompanis la ribelojn en Napolo kaj kaŭzis la ekzilon de multaj familioj nobelaj.

VALERO. Jes, sed eksciu, por konfuzi vin, ke lia sepjara filo, kun unu servanto, estis savita el tiu ŝippereo, de hispana ŝipo, kaj ke tiu savita filo estas tiu mem, kiu parolas kun vi. Eksciu, ke la ŝipestro, tuŝita de mia sorto, ekhavis amon por mi; li edukigis min kiel propran filon; tuj kiam mi estis kapabla je tio, la militado estis mia profesio; antaŭ ne longe mi eksciis, ke mia patro ne estas mortinta, kiel mi ĉiam pensis; kiam mi pasadis tie ĉi por iri serĉi lin, aventuro aranĝita de l'ĉielo kaŭzis, ke mi vidis la ĉarman Elizon; tiu vido faris min sklavo de ŝia beleco, kaj la forteco de mia amo kaj la severeco de ŝia patro instigis min preni la decidon akceptigi min en ŝia domo kaj sendi alian homon por serĉi miajn gepatrojn.

ANSELMO. Sed kiaj pluaj atestoj, krom viaj paroloj, povas certigi nin, ke tio ne estas fabelo konstruita sur veraĵo?

VALERO. La hispana ŝipestro; rubena sigelilo, kiu apartenis al mia patro; agata ĉirkaŭmano, kiun mia patrino estis metinta je mia brako; la maljuna Pedro, tiu servanto saviĝinta kun mi el la ŝippereo.

MARIANO. Ha! El viaj paroloj mi povas tie ĉi atesti, ke vi ne mensogas; kaj ĉio, kion vi diras, vidigas al mi tre klare, ke vi estas mia frato.

VALERO. Vi, mia fratino!

MARIANO. Jes, mia koro tuŝiĝis tuj de l' momento, kiam vi malfermis la buŝon; kaj nia patrino, kiun via vido ravos,

milfoje raportis al mi pri la malfeliĉoj de nia familio. Nek ankaŭ nin la ĉielo lasis morti en tiu terura ŝippereo; sed ni nur savis nian vivon, perdante nian liberecon; korsaroj ricevis mian patrinon kaj min sur fragmento de la ŝipo. Post dekjara sklaveco, feliĉa okazo redonis al ni la liberecon kaj ni revenis en Napolon, kie ni eksciis, ke nia tuta posedaĵo estis vendita, kaj ni ne povis havi novaĵojn pri nia patro. Ni pasis en Ĝenovon, kie mia patrino kolektis kelkajn mizerajn restaĵojn de disŝirita heredaĵo; kaj de tie, forkurante de la barbara maljusteco de siaj parencoj, ŝi venis tien ĉi, kie ŝi nur vivadas per velkinta vivo.

ANSELMO. Ho! ĉielo, kielaj estas la montroj de via potenco; kaj kiel bone vi pruvas, ke nur al vi apartenas fari mirindaĵojn! Kisu min, infanoj, kaj enmiksu vian ĝojon kun tiu de via patro.

VALERO. Vi estas nia patro!

MARIANO. Pro vi mia patrino tiel longe funebris!

ANSELMO. Jes filino, jes filo; mi estas Tomaso d'Alburci, kiun la ĉielo savis el la ondoj kun la tuta mono, kiun li portis. Kredinte, ke vi ĉiuj mortis antaŭ pli ol dekses jaroj, mi pretiĝis, post longaj vojaĝoj, serĉi en edziĝo je ĝentila kaj saĝa persono, la konsolon de nova familio. Pro la manko de sendanĝereco por mia vivo en Napolo, mi decidis neniam reveni tien, kaj sukcesinte vendigi tie mian tutan posedaĵon, mi kutimis vivi tie ĉi, kie, sub la nomo de Anselmo, mi klopodis forigi la ĉagrenojn de tiu alia nomo, kiu kaŭzis al mi tiel multajn malfeliĉojn.

HARPAGONO (al Anselmo). Tiu ĉi estas via filo?

ANSELMO. Jes.

HARPAGONO. Mi ŝuldigas vin por pagi al mi dek mil eskudojn, kiujn li forŝtelis de mi?

ANSELMO. Li vin prîŝteli!

HARPAGONO. Li mem.

VALERO. Kiu diras tion ĉi?

HARPAGONO. Jakobo.

VALERO (al Jakobo). Vi diras tion ĉi?

JAKOBO. Vi bone vidas, ke mi nenion diras.

HARPAGONO. Jes, jen estas lia komisara Moŝto, kiu ĵus ricevis lian atestadon.

VALERO. Ĉu vi povas kredi min kapabla je ago tiel malhonesta?

HARPAGONO. Kapabla aŭ nekapabla, mi volas rehavi mian monon.

---

## SCENO VI

HARPAGONO, ANSELMO, ELIZO, MARIANO, KLEANTO, VALERO, FROZINO, LA KOMISARO, JAKOBO, LA FLÈCHE.

KLEANTO. Ne malkvietiĝu, patro, kaj ne kulpigu iun. Mi eksciis novaĵojn pri via afero, kaj mi venas tien ĉi por diri al vi, ke, se vi permesos, ke mi edziĝu kun Mariano, via mono estos redonita al vi.

HARPAGANO. Kie ĝi estas?

KLEANTO. Ne estu malkvieta pri tio; ĝi kuŝas en loko, pri kiu mi respondas, kaj ĉio dependas de mi sola; apartenas al vi diri, kion vi decidas, kaj vi povas elekti, ĉu doni al mi Marianon, ĉu perdi vian kaseton.

HARPAGONO. Ĉu oni nenion forprenis el ĝi?

KLEANTO. Absolute nenion. Vidu, ĉu vi intencas aprobi tiun edziĝon, kaj aldoni vian konsenton al tiu de ŝia patrino, kiu lasas ŝin libera elekti inter ni du.

MARIANO (al Kleanto). Sed vi ne scias, ke tiu ĉi konsento ne sufiĉas, kaj ke la ĉielo, (montrante Valeron) samtempe kiel fraton, kiun vi vidas, ĵus redonis al mi patron, (montrante Anselmon) kies konsenton vi devas akiri.

ANSELMO. La ĉielo, miaj infanoj, ne redonas min al vi por kontraŭstari al viaj deziroj. Sinjor' Harpagono, vi komprenas ja, ke la elekto de juna fraŭlino plivole falos sur la filon,

ol sur la patron. Nu, ne lasu diri al vi tion, kion ne estas necese aŭdi; kaj konsentu kiel mi al tiu duobla edziĝo.

HARPAGONO. Por decidiĝi, mi bezonas vidi mian kaseton.

KLEANTO. Vi ĝin vidos tute sanan.

HARPAGONO. Mi havas nenian monon, por doni dote al miaj gefiloj.

ANSELMO. Nu, mi havas sufiĉe da ĝi por ambaŭ; tio ne malkvietigu vin.

HARPAGONO. Ĉu vi promesas pagi ĉiujn elspezojn de tiuj du edziĝoj?

ANSELMO. Jes, mi promesas. Ĉu vi estas kontentigita?

HARPAGONO. Jes, se nur vi pagos al mi festan veston por la edziĝo.

ANSELMO. Konsentite. Ni iru ĝui la ĝojon, kiun prezentas al ni tiu feliĉa tago.

LA KOMISARO. He, Sinjoroj, atendu, mi petas; kiu pagos al mi por mia skribo?

HARPAGONO. Ni neniel bezonas viajn skribaĵojn.

LA KOMISARO. Jes; sed mi ne volas esti skribinta ilin por nenio.

HARPAGONO (montrante Jakobon). Kiel pago, jen estas homo, kiun mi donas al vi por pendigi.

JAKOBO. Ho, ve! Kiel do mi devas fari? Por verdiri oni min batas, kaj por mensogi oni volas pendigi min.

ANSELMO. Sinjor' Harpagono, vi devas pardoni al li tiun trompon.

HARPAGONO. Vi do pagos la komisaron?

ANSELMO. Tiel estu! Ni iru rapide komuniki nian ĝojon al via patrino.

HARPAGONO. Kaj mi, vidi mian karan kaseton.

499-09. — Coulommiers. Imp. PAUL BRODARD. — 9-04.

La verkoj de nia granda verkisto Molière estas ofte por alilanduloj malfacile kompreneblaj, pro multaj antikvaj esprimoj, kiujn oni ne trovas plu en la nuntempa franca lingvo.

Tial mi kuraĝis entrepreni tiun ĉi tradukon.

Mi forte ĝojos, se mi tiel sukcesos konigi pli bone nian admirindan Molière kaj samtempe pruvi unu fojon pli la grandan oportunecon de *Esperanto*.

Ĉar la diversaj eldonoj de Moljeraj verkoj iom diferencas inter si, mi devas informi la legantojn, ke tiun ĉi tradukon mi verkis laŭ libro presita en la jaro 1807 ĉe la presejo de Mame Frères en Parizo.

S. M.

